# junamiko

34a jaro, n-ro 3/2007 (120)

DECEMBRO 2007

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ



Esperanto! ★ JAM AĈETEBLA !

# LA PATRO



de la samaj produktantoj de GERDA MALAPERIS

JOE BAZILIO

El la japana literaturo, venas tiu ĉi nova filmo.

Kiam la eraroj el la pasinteco starigas malbonajn sentojn...

...ĉio povas okazi...

Ĉu vi sukcesus pardoni?

**Aperis en Esperanto LA PATRO 40-minuta filmo de la brazila entrepreno "Imagu-Filmoj"**

KIKUTI KAN

DVD VIDEO

www.imagu.com.br

IMAGU FILMOJ
www.imagu.com.br

# *Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante Ni iru la vojon celitan!*

*La **15a de decembro*** estas naskiĝ-tago de Zamenhof kaj delonge internacia festo-tago de la tut-monda esperantistaro. Meze de decembro ni rememoras pri la iniciatinto de Esperanto, ni prezentas lian nobla-koran karakteron.*

*Niaj laŭdaj vortoj certe varmigus al li la koron, tamen li laŭte protestus, dirante, ke ni prefere uzu nian energion por la realigado de la ideo starigita kaj ankoraŭ ne atingita: INTERNACIA FRATECO. Esperanto estas grava rimedo realigi la SANKTAN ĈEFCELON.*



*Nia unua celo alproprigi la lingvon sendube estas grava tasko. Sed vera esperantisto lernas ĝin ne por scii unu plusan lingvon, sed por malkaŝi per ĝi la mondon kaj servi per ĝi al noblaj pacaj interesoj. Neniu pensu pri grandaj, surprizaj faroj. Ne, tiaj agoj ofte vekas en ni suspekton de sinamo aŭ potenc-avido de la aganto. Vera grand-animulo neniam volas superi aliajn, sed volas kompreni kaj helpi tiujn, kiuj vivas honeste kaj sincere.*

*Vera bon-faranto serĉas por si realigeblajn kaj aktualajn taskojn kaj faras ĉion eblan por atingi ilin. Tia estas jam la lingvo mem, kies bona alproprigo estas granda paŝo al la ĉefcelo: krei ĉirkaŭ ni pli kaj pli vivindan vivon, en kiu regas respekto kaj amo al la hom-fratoj sendepende de tio, al kiu raso, popolo, religio ili apartenas.*

*La kunagado de justuloj ĉiam estis kaj estas grava, ĉar ekzistas, bedaŭrinde, fortoj, kiuj deziras superregi aliajn.*

*Por esti indaj al Zamenhof, ni entreprenu noblajn, utilajn taskojn (nia revuo ofte prezentas tiajn) kaj plenumu ilin **„rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante"** (Zamenhof: La Vojo).*

*Ni agadu kun firma kredo, ke noblaj agoj puŝas la homaron antaŭen.*

* Zamenhof naskiĝis la 15an de decembro 1859 en Bjalistoko.

*iniciati:* komenci ion novan kaj gravan / *nobla:* plena je bonaj intencoj / *plusa:* aldona, kroma / *surprizi:* neatendite fari ion / *suspekti:* antaŭvidi malbonan intencon.

# ENHAVO

Kristnaska abio (foto de *Saliko*) .... 1
La Patro (brazila E-filmo) ............ 2
Nur rekte, kuraĝe... *(G.Kurucz)*.... 3
Enhavo. Kolofono .................... 4
E-Fabelkonkurso 2007 ............... 5
Draketo *(Katka Morkesova)* .......... 6
Venu por interkonatiĝi ............... 8
Ĉenraporto el Togo *(K.Gbeglo)* ... 10
Talpino *(L.R.Koĵeljac)* .............. 12
Helpanta mano ...................... 13
Poemo de *Baldur Ragnarrson* .... 14
Rido-kokaburo *(K.Perczel-Szabó)* 14
Otokar Batlička *(D.Berndt)* ......... 16
Frandaj esprimoj kun „buŝo" ....... 17
LUME: Testuda poemo
*(Stefan MacGill)* ............. 18
Konsiloj al la gepatroj ...... 20
LUDE: Uloj umas *M.Molnár)* ....... 21
EmilErni en estonto
*(Stefan MacGill)* ............ 26
KVINO-KVIZO
Ĉu la heroo saltos?
*(Stefan MacGill)* ................ 30
Taskoj 1-5 ....................... 31
Interkultura mondo
*(Elena Nadikova)* ............... 34
Nederlando *(Bert de Wit)* ........... 36
Humuro .............................. 38
Manĝobastonetoj *(Jasuo Hori)* .... 40
Divenu *„sen...ulojn"* ................. 41
El nia historio *(Árpád Rátkai)* ...... 42
Ludu! *(Geza Kurucz)* ................ 43
Kvizo-ludo n-ro 3 ................... 44
Vikipedio *(Neringa Zasaitė)* ........ 45
Nova pulovero *(Judit Felszeghy)* ... 46
Lingva doktoro. Difina artikolo .... 48
Testo *(G.Kurucz)* .................... 49
Ĉu vi scias ke....................... 50
Jario *(Sonmy Álvarez)* ............. 51
63a IJK en Vjetnamio ............... 52

**Sen pied-notoj JUNA AMIKO uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejm-paĝo: *www.junaamiko.inf.hu* aŭ en *www.eo.lernu.net*.**

**Eldonanto** de JUNA AMIKO: ILEI, Riouwstr.172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando. **Redaktoroj**: *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@gmail.com*) kaj *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fsz.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario, *geza@banyai-kkt.sulinet.hu*) **Lingva reviziantо**: *Baldur Ragnarsson* (Islando). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Elena Nadikova* (Rusio), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Marie-Helene Desert* (Francio), *Jadranka Mirić* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Bardhyl Selimi* (Albanio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár, Judit Felszeghy, Hajnal kaj Karina MacGill* (Hungario), *Marija Belošević* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio). **Grafikistoj**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio), *Monika Molnár* (Hungario). **Komputila kolora tekniko**: *János Bakk* (Hungario). Presita en **Presejo Saluton** (Gárdi Jenő u.14, HU-1047 Budapest, Hungario). **Administranto**: *Stefan MacGill* (adreso supre) kaj *Anna Besenyei* (Hungario), retadreso: *esperanna@gmail.com*

**ISSN 0230 1318**

**La sekva numero aperos en aprilo.**

# TUTMONDA FABELKONKURSO 2007 EN ESPERANTO

## REZULTOJ

***Kategorio A*** (por infanoj malpli ol 9-jaraĝaj)

1. **La malbona suno** *(Chiara Goethals, Belgio)*

***Kategorio B*** (por infanoj 9-10-jaraĝaj)

1. Ne aljuĝita.
2. **Merlo Joĉjo** *(Michaela Hanusova, Ĉeĥio)*
3. **Leporeto** *(Dominika Svendova, Ĉeĥio)*

***Kategorio C*** (por infanoj 11-13-jaraĝaj)

1. **Draketo** *(Katka Morkesova, Ĉeĥio)*
   ***Fabelo internacia !***
2. **Bestpiedeto** *(Zagneta Jandourkova, Ĉeĥio)*
3. **Kiu nenion scias, tiu nenion timas** *(Eliska Splichalova, Ĉeĥio)*

# DRAKETO

## 1a premio de kategorio C

En malgranda imperio Drakonio vivis draka familieto: drakino Rozalie, drako Julius kaj draketo Dudek. Ĉiuj nomis lin tenere Dudla. Precipe kiam li ploris siajn drakajn larmojn, kiuj estis tiel same grandaj kiel larmoj krokodilaj. Sed neniu povis diveni, kial Dudla, cetere, ploras.

Rozalie kaj Julius estis zorgemaj gepatroj. "Kompatinda Dudla", bedaŭris lin la panjo. "Kial li tiom ploras?"

"Li estas simple ploraĉulo", murmuris la patro. "Vi tro-dorlotis lin. Drako ne povas esti tiel mol-korulo. Eĉ kiam li havas nenian kialon plori, li ploras kiel testudo", aldonis la patro kutime. Fakte ankaŭ li bedaŭris la fileton kiel la panjo, sed ne volis, ke iu eksciu tion. Li pensis, ke tio ne taŭgas por drako.

Al Dudla alvenadis najbarinoj, amikinoj, amikoj, eĉ la estro de la draka gento de Drakonio, Gordon I.

"Dudla estigas zorgojn por ĉiuj drakoj en nia lando. Ni devas ion fari al tiuj larmoj. Mi kunportos lin en mian drakan groton, por ke esploru lin kuracistoj el najbaraj landoj", decidis Gordon I.

neniun.

"Ĉu vi ne vidas min?" aŭdiĝis denove la voĉeto. "Halo, Dudla, ĉi tie rekte", daŭris la voĉeto.

"Kiu vi cetere estas?" demandis Dudla, kiam li apude vidis... li ver-



Kion fari ? La gepatroj konsentis. Ili sciis, ke la fileton esploros la plej bonaj kuracistoj. Eble ili sukcesos trovi la kaŭzon kaj medikamenton kontraŭ tiu draka ploro.

Kiam kunvenis ĉe la draketo kuracista konsilio, Dudla, kun okuloj plenaj de larmoj, atendis, kion ili faros. Post esplorado ili foriris en najbaran groton por konsiliĝi. Dudla restis sola kaj volis komenci denove plori.

"Ho, vi!" ekaŭdis li malfortan voĉeton. Li ĉirkaŭrigardis, sed vidis

dire ne sciis, kiun. Tiu estis draka knabineto, sed ne ordinara.

"Mi estas bona draka feino, kiu helpas al malgrandaj draketoj, kiel vi. Kial vi senĉese ploregas?" interesiĝis Gula.

"Mi... ne... scias..." eliĝis el Dudla.

"Rigardu, mi donos al vi mian amikon, kiu helpos al vi, kiam estos al vi malbone," diris Gula.

"Ĉu? Montru al mi, kie li estas?" ekinteresiĝis Dudla. Sed li tuj malgajiĝis, kiam li vidis en sia mano

malgrandan guman tubeton sur radeto el plasto. "Kaj ĉu tio estas la amiko por miaj malgajoj?" dubis Dudla kaj volis ekplori.

"Ĝuste tiel. Elprovu, kiel li funkcias!" stimulis lin Gula.

"Kiel mi povas lin elprovi?" ne sciis Dudla.

"Metu lin en la buŝon kaj suĉu!"

Dudla atenteme kaj kun malkonfido enmetis la guman tubeton en sian draketan buŝon kaj liaj okuloj subite ekbrilis.

"Nu, kio?" demandis Gula. "Bona amiko, ĉu?" Ŝi ridetis.

"Bonega! Nun mi sentas min bonege," diris Dudla kun guma tubeto en la buŝo.

"Do, tio estas lia tasko. Vi havas lin de mi kiel donacon. Nun mi jam devas forflugi, ĉar atendas min ankaŭ aliaj etuloj. Ĝis!" adiaŭis Gula.

"Kaj kiel vi nomiĝas?" vokis Dudla, sed Gula jam ne aŭdis lin.

Post momento revenis la kuracista konsilio. Ili haltis kun malfermitaj buŝoj, kiam ili vidis, ke Dudla kontente suĉas guman tubeton kaj larmoj nenie.

Nur unu kuracisto povis ekparoli: "Kiel tio estas ebla?"

Sed nur Dudla konis la respondon. De tiu tempo jam neniam li ploris, kiam li havis sian amikon suĉ-tubeton.

*Katka Morkesova, Ĉeĥio*

Tiu ĉi fabelo ricevis ankaŭ la distingan titolon

**„FABELO INTERNACIA"**

Ni esperas, ke en la venonta jaro ankaŭ vi partoprenos en la tradicia *Tutmonda Esperanta Fabelkonkurso*.

**Detaloj aperos en nia sekva, aprila numero.**

**Ne preterlasu la okazon!**

PIED-NOTOJ:
*dorloti:* agi kun iu tre kareseme, permesante preskaŭ ĉion / *drako:* fabela besto de antikvuloj / *funkcii:* plenumi certan taskon, servon / *gento:* aro de sam-devenuloj / *groto:* natura profunda subtera kavo / *gumo:* elasta materio, kaŭĉuko / *konsilio:* gvida decida organo / *medikamento:* resanigaĵo / *stimuli:* pliviligi / *suĉi:* entiri ion en la buŝon / *tenera:* milda, varm-kora / *testudo:* rampo-besteto kun kirasoj sur ventro kaj dorso.

# Venu por interkonatiĝi!

***Tiu ĉi paĝo-paro servas geknabojn, kiuj lernas Esperanton kaj aktivas en AKEL, LingvoLanĉilo, InterKulturo aŭ en iu alia formo, ekzemple skoltaj aŭ ĝemel-urbaj kontaktoj aŭ, simple, interesiĝas pri eksterlandaj kulturoj.***

Kun ĝojo ni akceptis novajn respondojn el Kubo (*Jaime Alberto Páez Honan,* 11-jara knabo kaj *Iselis Arencibia Pérez,* 11-jara knabino) el Britio (*Michel,* 14-jara, *Tom Robinson,* 15-jara knaboj kaj kvaropo da infanoj el klaso de elementa lernejo en vilaĝo de Nord-Anglio) kaj el Vjetnamio (*Bui Hong Phuong*).

Kun malĝojo ni konstatas, ke el Kroatio kaj Hungario ĉi-foje ne venis respondoj, bedaŭrinde. Ni bezonas la respondintojn kaj multajn novajn geknabojn.

Jen estas la respondoj el tri landoj: **Vjetnamio** (VN), **Britio** (GB) kaj **Kubo** (CU). Ni esperas, ke vidante la respondojn ankaŭ vi ekhavos emon respondi. Ne prokrastu, tuj ekagu ! Dankon !

1. ***Ĉu vi kutimas labori en someraj ferioj por akiri poŝ-monon?***

   *VN: Mi ne laboras, sed helpas la gepatrojn, kiuj eksportas trikaĵojn.*

   *CU: Mi helpas hejme: mi iras aĉeti panon kaj foj-foje helpas al mia avineto purigi la plankon. Dum someraj ferioj mi ludas, vizitas plaĝon kaj spektas televidon.*

   *GB: Labori en nia aĝo estas kontraŭ-leĝa. Tamen, la infanoj kelk-foje ricevas de la gepatroj „aldonan" poŝmonon pro helpo en la domo.*

2. ***Ĉu ekzistas ĉe vi krist-naska donaco? Kiu „alportas" ĝin?***

   *VN: Multaj vjetnamoj, inkluzive min, ne estas katolikoj. Tamen, mi ĝuas Kristnaskon. La antaŭvesperon kun miaj geamikoj mi iras al preĝejo, promenadas kaj poste interŝanĝas donacetojn, nome velurajn bestetojn aŭ belajn aĵojn kun la figuro de Kristnaska Paĉjo.*

   *CU: Jes, ekzistas ĉe ni kristnaskaj donacoj. Ni ricevas vestaĵojn, librojn kaj kelkfoje ni kune promenas.*

   *GB: Kristnasko estas granda festo kaj la familianoj interŝanĝas donacojn. Infanoj ricevas donacojn de „Sankta Nikolao" aŭ „Kristnaska Paĉjo".*

3. ***Ĉu la familio festas vian nom- kaj naskiĝ-tagon?***

   *VN: En mia naskiĝtago ĉiuj familianoj kune kuiras multajn bon-gustajn manĝaĵojn. Poste ni gaje kunmanĝas kaj babiladas. Ili transdonas al mi donacojn. Kia feliĉo!*

   *CU: Jes, mia familio festas mian naskiĝtagon en nia domo. Nomtagon oni ne festas en Kubo.*

*Vi (individuo aŭ grupo) devas mallonge respondi 5 demandojn kaj sendi ilin al la redaktoro ( geza@banyai-kkt.sulinet.hu ). Kunsendu 1 demandon.*

*Kun ĝojo ni akceptas ankaŭ respondojn de la antaŭaj demandoj. Ili aperas en nia hejm-paĝo (www.junaamiko.inf.hu) sub titolo: Venu por interkonatiĝi! Valoras ĝin viziti!*

*GB: Ĉiu festas la naskiĝ-daton, ricevante salut-kartojn kaj donacojn. Nomtagon ni ne festas, eĉ vorton ni ne havas por nomtago.*

**4. Kiom da gefratoj vi havas?**

*VN: Mi havas 3 fratinojn (neniun fraton). Kiam ni estis junaj infanoj, ni ofte kverelis, sed nun ni estas intimaj fratinoj.*

*CU: Jaime havas du gefratojn. Ili nomiĝas Jorge Arturo kaj Jenny. Iselis havas fraton, kiu nomiĝas Noel.*

*GB: Mez-nombre oni havas ĉe ni po unu frat(in)on.*

**5. De kioma klaso oni lernas fremdan lingvon en via lando?**

*VN: Vjetnamaj lernantoj lernas fremdan lingvon ekde la 3a klaso de elementa lernejo. La ĉefa fremda lingvo estas la angla. Aliaj lingvoj, nome la franca, rusa kaj ĉina estas instruataj en ne multaj lernejoj.*

*CU: Nun en Kubo, ekde la 3a klaso oni lernas la anglan lingvon.*

*GB: Laŭleĝe oni devige eklernas fremdan lingvon en la dua-grada lernejo (11-jaraĝaj geknaboj). Tamen, elementaj lernejoj ofte „enkondukas" fremdan lingvon, kiel en nia vilaĝo. (Ekde 2010 tia pli frua enkonduko estos leĝe deviga.) Oni lernas ĉe ni la francan, hispanan kaj germanan lingvojn.*

*NOVAJ DEMANDOJ:*

1. ***Kio estas la plej ŝatata manĝaĵo en via regiono/lando?***
2. ***Ĉu vi vizitis jam aliajn landojn? Kiujn?***
3. ***Ĉu vi havas biciklon? Ĉu vi ofte veturas per ĝi?***
4. ***Kiu(j)n popolo(j)n oni respektas plej alte en via lando?***
5. ***Kiom da horoj vi dormas?***

***Ne forgesu aldoni vian demandon, kiu aperos en nia revuo.***

La respondojn sendu ĝis la **1a de marto 2008** al

***geza@banyai-kkt.sulinet.hu***

*Ni lanĉas novan rubrikon!*

# ĈEN-RAPORTO

*Rubrikestro fariĝis nia aktiva kunlaborantino Saliko el Finnlando. Ŝi jam delonge partoprenas en la tut-monda reto de ĉenraportantoj, kiun iniciatis s-ro Jasuo Hori, fama japana esperantisto, estrarano de UEA (delonge nia kunlaboranto!). Ĉi-jare aperis libro-forme la dua kolekto de ĉenraportoj sub titolo* ***Vivoj tra la Mondo*** *(mendebla ĉe Jasuo Hori, 6.7 eŭroj). Per publikigo de iuj raportoj ni deziras turni la atenton de la legantoj al nia hejm-paĝo (www. juna-amiko.inf.hu), kie aperas raportoj ankaŭ el aliaj landoj kaj ni esperas, ke ankaŭ vi aliĝos (skribu al Jasuo Hori: horizonto@water.sannet.ne.jp) al la raportantoj. Ali-flanke ni volas liveri materialon por niaj geknaboj: AKEL-anoj, Lingvo-Lanĉilanoj, kiuj deziras konatiĝi kun la kulturo de la mondo.*




*Ĉi-sube ni prezentas al vi unu el la raportoj de la oktobra temo:* ***manĝaĵoj****. (Januara temo estos: dorlotbestoj. Februara temo: sportoj. Provu raporti ankaŭ vi.)*

## Sufiĉas nur plenigi la ventron



"Eĉ se mi havus monon por viando, paston mi aĉetus" diris knabo tre malsata antaŭ vendistino de pasto.

La ĉefaj manĝoj de nia vilaĝo *Anyron-Kope* (:anjronkope) en la suda parto de *Togolando* estas pasto el maiz-faruno, fazeoloj kun oleo kaj maniok-faruno kaj lasta-tempe, kelka-foje, ankaŭ rizo. Tion oni manĝas kun saŭco.


maizo

En la saŭco povas esti fiŝoj aŭ viando. Ĉiutage pasto tremigas telerojn en tiu ĉi parto de Togolando.

Matene la manĝaĵoj estas diversaj. Iuj prenas kaĉon el maizfaruno, dum aliaj kuiritajn fazeolojn miksitaj kun oleo (el palmo, arakido, kokoso ktp.). Kiam pasto de la antaŭa nokto restis, iuj uzas ĝin je matenmanĝo. Antaŭ ol manĝi oni varmigas ĝin. Sed ofte mankas ligno por varmigi, kaj oni devas manĝi ĝin malvarma. En vilaĝoj tute ne ekzistas fridujoj por konservi manĝaĵojn. Tial la restintaj manĝaĵoj ekputras jam la postan tagon. Se nenion alian oni havas, oni manĝas la ekputraĵon. Sufiĉas nur plenigi la ventron, jes, eĉ fru-matene.




arakido

Tagmeze oni povas manĝi tion, kion oni manĝis matene. Kutime estas pasto kun saŭco kaj kelkafoje rizo. Ankaŭ densa kaĉo de maniokfaruno kun saŭco loĝas en teleroj. Ne estu pretervidataj la kuiritaj tuberoj (ignamoj, batatoj, manioko...). Oni ofte prenas ankaŭ pistitan tuberon kuiritan; tiun ĉi pistaĵon oni nomas *fufu*. Oni manĝas ĝin kun saŭco. Ekzistas diversaj saŭcoj: legomaj, fiŝaj / viandaj ktp.


batato

Nokte en preskaŭ ĉiuj domoj militas pasto kun saŭco. Tio estas la preferata kaj ĉefa manĝo.


manioko

Kukoj, panoj, ktp. estas duarangaj manĝaĵoj. Multaj ne povas preni ilin pro la "malforto de la poŝoj". Ankaŭ fruktoj estas duarangaj manĝaĵoj, ĉar oni taksas ilin nekapablaj plenigi la ventron.


fazeolo

Kio povas satigi, nur tio estas grava por multaj personoj. Oni eĉ ne atentas la salubrecon de la nutraĵoj. Gravas nur la kvanto granda. *(Koffi Gbeglo, Togo)*

# Talpino, malfeliĉa

Iam talpo loĝis ne sub la tero, sed kiel granda plimulto de la bestoj, ĝi loĝis sur la tero, kie ĝi iradis tien-reen, ĉasadis kaj estis ĉasata.

Kiel okazis do, ke ĝi forlasis la ter-supraĵon kaj por ĉiam iris sub la teron?

Tro juna la talpino restis sen patrino, kiun ŝi ne memoras. La duonpatrino turmentadis ŝin je ĉiu ebla maniero, tiel ŝia junaĝo pasis en larmoj kaj plorado. Fine, ŝia malbon-kora duonpatrino decidis edzinigi ŝin al siluro.

„Vi havos belan kaj lip-haran jun-edzon", diris al ŝi la duonpatrino. „Kiel Mastro de rivero li instruos vin naĝi. „Vi fariĝos Mastrino de rivero kaj ĉiuj loĝantoj tieaj dependos de vi."

Ŝi ne volis akcepti la proponon. „Kiel edziniĝi al li? Mi ne konas lin, nek scias ion pri li."

„Ne zorgu pri tio, nur ekpaŝu en la riveron, li tuj ekkaptos vin brakumante kaj portos vin rekte en preĝejon por geedziĝi."

Kvankam juna kaj malsperta la talpino antaŭvidis la malican intencon de la duonpatrino kaj rifuzis ĉion.

Post unu jaro, en aŭtuno la malica duonpatrino promesis al vidvo Erinaco edzinigi al li la talpinon. Li promesis bone konduti al ŝi: „Mi tenos vin kiel akvoguton sur man-plato." La talpino longe kontraŭstaris, sed fine ŝi devis subiĝi al la volo de la malica duonpatrino.

Kaj venis la tago de la geedziĝa ceremonio. Venis la geedzigaj ceremoniuloj por forpreni ŝin. Venis la erinaco kun ĉiuj siaj idoj el la unua geedzeco, ĉiuj dorno-havaj bul-estaĵoj, el kies dorno-korpo elstaris akraj muzeletoj kun brilaj nigraj okuletoj. La duonpatrino transdonis ŝin al la erinaco, petante lin ne brakumi ŝin antaŭ ol atingi la domon. Malgraŭ tio ke la erinaco faris firman promeson, tamen survoje li rompis ĝin. Pro la beleco de la jun-edzino li subite alpaŝis kaj preninte ŝin sur sian bruston li kisis ŝin. Kaj ŝi kun korpo vundita kvazaŭ per cent lancoj kaj kun trapikita koro, ekkriaĉis, kaj nur iom liberiginte sin, tute senkonscie komencis elfosi la teron por subteriĝi.



# jun-edzino

Ŝi enteriĝis tiel rapide, ke ĉe la festantoj haltis la spiro. Mirigitaj ili ĉiuj gapis, opiniante, ke ŝi certe serĉas kol-ĉenon aŭ dukaton, kiu falis sur la teron. Ankaŭ la junedzino, abrupte vekiĝinta el sia neatendita konduto, rigardis, kio okazos al ŝi. Sed post palpebruma tempeto ŝi enteriĝis pli kaj pli profunden ĝis ŝi baldaŭ plene malaperis. De tiam ŝi restas sub la tero kaj vivas tie ĝis hodiaŭ.

Jen tiele ŝi fariĝis talpino.

Sed iuj diras, ke ŝi simple „falis en abismon" pro la honto, ke erinaco kisis ŝin antaŭ ĉiuj ĉeestantoj.

Verkis: *Ljubiŝa-Rajkoviĉ Koĵeljac, Zaječar*

Esperantigis: *Miriĉ Jadranka, Serbio*

PIEDNOTOJ:

*abismo:* profundego / *abrupte:* neatendite rapidege / *ceremonio:* eksteraj formoj de festa aranĝaĵo / *dukato:* nomo de mono / *erinaco:* mam-besto kun dorno-formaj fel-haroj / *gapi:* rigardaĉi / *lanco:* longa pik-armilo / *malica:* kon-scie malbonintenca / *muzelo:* korpo-parto kun la malsupra dentaro / *palpebro:* haŭto, kiu kovras okulon / *siluro:* fiŝo-speco kun lipfadenoj / *talpo:* preskaŭ blinda mamulo fosanta subtere / *turmenti:* kaŭzi al iu grandajn suferojn / *vidvo:* viro kies edzino mortis.

# HELPANTA MANO

*Kiu lasas kovertojn plenajn je mono en publikaj necesejoj por viroj? Solvi tiun misteron iĝis nacia sporto en la lando de la leviĝanta suno...*

Kiu ne revas trovi bon-ŝance grandan sumon surstrate? En Japanio nuntempe dekoj da viroj vidas tiun revon realiĝi. De pluraj semajnoj anonima bon-faranto lasas kovertojn kun mon-biletoj de 10000 enoj (ĉirkaŭ 60 eŭroj) en publikaj necesejoj tra la tuta lando.

Ĉiu koverto enhavas - aldone al la mono - leteron por la trovonto. Ĝi sugestas uzi la monon por iu bona celo.

La japana polico malkaŝis, ke la disdonado de mono fakte komenciĝis pasintan jaron en publikaj necesejoj de tombejoj. Nun temas pri naci-nivela fenomeno.

Provi diveni la identecon de la donacemulo iĝis ĉiu-taga ŝat-okupo de miloj da japanoj. Ĉiu detektivo, ĵurnalisto, politikisto kaj eĉ ekleziulo havas sian propran hipotezon pri liaj - aŭ eble ŝiaj - personeco kaj motivoj. Laŭ grafologoj temas pri sufiĉe aĝa viro, eble eĉ mortonta.

Sed eble la misterulo tro bone trafis sian celon, ĉar montriĝas, ke ver-ŝajne ĉiuj kovertoj kun sia tuta enhavo estis reportitaj al la polico.

Ne facilas la metio de bonfaranto en tia honesta socio...

Fonto: *Le Figaro* (Prenita el *www.edukado.net*)

PIEDNOTOJ sur paĝo 15

*Baldur Ragnarsson*

## Miaj ĉin-devenaj genepoj

Sur la herbejo ili kuras, kuras,
mi sekvas lanta-paŝe, kun bastono,
sun-brilo, floroj, la ĉiel' lazuras,
mildas venteto, kadra bild' sekuras.

Mi sekvas lantapaŝe, dum momento
mi sentas etan timon, jen ŝi falis,
la knabo plue kuras, sen atento,
ekstaras ŝi, kaj sekvas sen evento.

Atingis ili supron herb-kovritan
kaj mi, minuton poste, iom lace,
eksidas apud ili, kaj subitan
ekpenson havas, kvazaŭ iel mitan.

Memor' aperas el la tempa maro,
knabo kuranta tra falĉita herbo,
vizitas min flirteme dolĉa flaro
de fojno sekiĝanta, sen deklaro.

Kuniĝas la genepa rid' jubila
kun mia rido antaŭ sepdek jaroj,
kia feliĉo sub la suno brila
resenti sin denove jun-simila.

# Rido-kokaburo



*Ĝi manĝas insektojn kaj aliajn senvertebrulojn, sed ĝi kaptas ankaŭ ronĝulojn kaj malgrandajn birdojn. Krom tiuj ĝi predas ankaŭ reptiliojn, eĉ serpentojn, pro kio la unuaj aŭstraliaj enmigrintoj tre ŝatis ĉi tiun birdon.*

*Simile al aliaj alcionoj ĝi mortigas siajn viktimojn per la fortaj kolo kaj beko. Sian karakterizan voĉon, kiu similas al homa ridego, ĝi aŭdigas fru-matene kaj fru-vespere. Krom tiu voĉo ĝi povas aŭdigi ankaŭ aliajn unikajn, nekutimajn voĉojn. Ĝi aranĝas por si neston en arbo-kavoj de 10-metra alteco. Ĝi kovas siajn 2-4 blankajn ovojn dum 24-26 tagoj. La eloviĝintaj idoj estas preskaŭ tiel grandaj kiel la gepatroj, sed la idoj ne havas plumojn kaj estas blindaj. La idoj kapablas havi seksajn rilatojn post unu jaro, sed ili restas kun siaj gepatroj kiel helpantoj ankoraŭ almenaŭ unu jaron.*

*Katalin Perczel-Szabó*

Se vi volas legi pri Best-ĝardeno de Veszprém, klaku al *www.allatkertveszprem.hu*



*La poeto kun siaj ĉarmaj genepoj Heidur Thorey kaj Atli Baldur.*

*Multajn feliĉajn, komunajn jarojn deziras la redakcio*

*evento:* okazaĵo / *falĉi:* detranĉi herbon aŭ grenon / *flirti:* delikate, kaprice flugeti / *jubili:* ĝoj-krii / *lanta:* malrapida / *lazura:* ĉiele blua / *mito:* rakonto pri pratempaj okazaĵoj.

**Ĉu vi ŝatas la naturon?**
**Ĉu vi estas preta fari ion por ĝi?**
Se via respondo estas jesa, aliĝu al la internacia movado
**RUBAĴETON ĈIU-TAGE!**
La aliĝo estas nur formala paŝo ĉe:
*roskaliike-subskribe@yahoogroups.com*
*Gravas, ke forprenu ĉiutage almenaŭ unu rubaĵeton!*
*Detaloj en nia septembra numero, paĝo 13.*

PIEDNOTOJ

***HELPANTA MANO** (paĝo 13)* – *anonima:* ne malkaŝanta sian nomon / *detektivo:* kaŝ-policisto / *eno:* japana mono / *eŭro:* mono de Eŭropa Unio / *fenomeno:* tio, kion oni senpere sentas per siaj organoj / *grafologo:* homo, kiu karakterizas personon laŭ ties skribaĵo / *hipotezo:* nepruvita supozo / *mistera:* enhavanta ion misteran, malklaran / *motivo:* tio, kio igas personon agi / *sugesti:* lerte venigi ideon en ies penson.

***RIDOKOKABURO** (paĝo 14)* – *alciono:* birdo-speco manĝanta fiŝon / *kokaburo:* birdo-speco (vidu la bildon) / *kovi:* sidi sur ovoj por elovigi birdidojn / *predi:* ĉas-kapti / *reptilio:* vertebrulo kun ŝanĝiĝanta korpo-temperaturo / *ronĝi:* mordi kiel muso, ekzemple / *sekso:* reprodukta kapablo / *unika:* ne havanta alian egalan aŭ similan / *vertebro:* osto en la ostaro laŭlonge de la dorso.

# Otokar Batlička

Kelkfoje vi jam povis legi en *Juna Amiko* liajn rakontojn. Iliaj temoj estas iom aventuraj kaj ĉiam kun originala fino. Li diferencigas en ili inter bono, kiu ĉiam venkas, kaj malbono, kiu devas malvenki. Li prezentas sortojn de viroj kun ŝtalaj nervoj kaj feraj pugnoj, kiuj povis helpi ilin en ajna situacio. Liaj herooj estis ne nur kuraĝaj, sed ankaŭ sincer-animaj, honestaj kaj just-amaj.

Kiu estis tiu homo, kiu skribis pli ol 200 rakontojn, en kiuj ofte ŝajnas al ni, ke la aŭtoro mem ĉion tion travivis.

Li naskiĝis en la jaro 1895 en Prago. Tie li vizitis baz-lernejon kaj komencis gimnaziajn studojn. Foje, la demandon de la profesoro, kiel granda estas hinda elefanto, Batliĉka respondis: „Proksimume tiel granda kiel vi, sinjoro profesoro." Pro tiu respondo li devis forlasi la gimnazion. Post tio sen adiaŭi li forlasis sian hejmon kaj piede migris al Hamburg. Tie li trovis ŝipon, sur kiu li veturis kiel help-maristo al Argentino. Sen kono de la hispana lingvo la komenco estis tie tre malfacila. Post kelkaj monatoj lia patro ricevis poŝt-karton kun jena teksto: „Mi malsatas, mi ne havas lokon por dormi, mi fartas bonege. Oto." La peza laboro sur la ŝipo, la fera disciplino kaj renkontiĝo kun divers-naciaj maristoj plenigis lian vivon. En la postaj jaroj li vojaĝis tra la mondo. Por viv-teni sin, li estis help-maristo, rudristo, telegrafisto, boksisto, or-serĉanto, fiŝisto sur anglaj kaj norvegaj ŝipoj, subakvisto en Rio-de-Ĵanejro, gaŭĉo en Argentino, poŝtmark-vendisto en Londono, policisto en Ŝanhajo. Dum sia restado en diversaj landoj li lernis sep lingvojn kaj kelkajn lingvojn de indiĝenoj.

En la jaro 1914, je la komenco de la unua mond-milito, li decidis reveni hejmen. Post aventur-plena reveno, finfine nur en 1920 li atingis sian hejm-landon. Sed estis malfacile trovi laboron. Ja li nek finis lernejon, nek ellernis iun profesion. Li denove faris la plej diversajn laborojn. Li laboris kiel nokta gardisto aŭ konduktoro en tramo. Li fondis lernejon por boksistoj kaj instruis en kursoj por radiotelegrafistoj. Li dediĉis sin ankaŭ al siaj ŝat-okupoj. La plej signifa por li estis radio-telegrafio. En la jaro 1929 li aĉetis la unuan aparaton kaj per ĝi li estigis kontaktojn kun la tuta mondo. En la jaro 1939 lia amiko prezentis lin al redaktoro de junulara gazeto, kie komence li skribis pri radiotelegrafio, sed poste li komencis tie publikigi siajn rakontojn.



OTOKAR BATLIČKA, (1895-1942)

Post la okupado de Ĉeĥio fare de Germanio, li komencis labori en la rezista movado. Tie li denove povis bone uzi siajn sciojn de radiotelegrafio kaj transdonis al eksterlando diversajn informojn pri militaj aktivadoj de okupantoj. En 1941 kun aliaj personoj li estis kaptita de la polico kaj tenata en diversaj malliberejoj. La lasta estis la koncentrejo Mauthausen, kie li estis mortigita la 13an de februaro 1942. Post la milito li estis honorigita de la ĉeĥa ŝtato.

Mi esperas, ke ankaŭ estonte vi povos legi en *Juna Amiko* kelkajn rakontojn de tiu ĉi interesa homo.

*Dieter Berndt, Germanio*

*boksi:* batali per pugnoj / *disciplino:* deviga regularo kaj lernita obeado / *gaŭĉo:* rajdanta gardisto de bovaro en Suda Ameriko / *heroo:* ĉefa persono de aventuro, rakonto, filmo / *indiĝeno:* praloĝanto / *koncentrejo:* fifama malliberejo dum la dua mondmilito en Germanio / *konduktoro:* oficisto, kiu akompanas publikan veturilon (tramon, vagonaron) / *migri:* iri de loko al loko / *nervoj:* ĉi tie korpa stato / *rezisti:* kontraŭbatali, kontraŭagadi / *rudristo:* homo, kiu direktas ŝipon / *ŝtalo:* tre malmola fero.

# Frandaj esprimoj kun BUŜO

**falsema / mensoga buŝo**
*(homo falsema / mensoga)*
**buŝo de sako / forno / pafilo...**
*(aperturo / malfermaĵo de ...)*
**ne movi la buŝon** *(silenti)*
**pintigi la buŝon**
*(kuntiri la lipojn)*
**tordi la buŝon**
*(esprimi malplaĉon per nekutima buŝ-teno)*
**li / ŝi ne povas fermi la buŝon**
*(li / ŝi estas tro babilema)*
**Fermu la buŝon !**
*(Ne parolu senĉese!)*
**havi fibuŝon**
*(esti fi-parolema)*
**bravi nur buŝe**
**lango langas, ago mankas**
*(esti kuraĝa nur parole)*
**en buŝo biblio, en koro malpio**
*(vortoj kaj agoj ne harmonias)*
**havi amaran guston en la buŝo**
*(malĝoji, ĉar la esperoj ne realiĝis)*
**senti la guston de io en la buŝo**
*(rememori la guston de io)*
**io nevole elglitis el la buŝo**
*(io kontraŭ-vole estis malkaŝita)*
**meti seruron sur ies buŝon**
*(eldevigi ies promeson ne paroli pri io)*
**bridi sian buŝon**
*(atenti por ne elbuŝigi ion)*
**pano buŝon ne serĉas**
*(sen penado nenio doniĝas)*
**iu / io portas buŝumon**
*(iu / io ne povas libere paroli)*

# LUME

## LA UNUA MIRINDA ETAĜO



Legu ĉi tiun tekston kaj poemon al etaĝulo!

Vidu gvidon kiel eluzi la materialon sur p. 20 kaj en nia hejmpaĝo en <Lernu.net>

Saluton. Mi estas testudo. Mi estas riĉa. Mi estas dom-posedanto.









Se homoj volas aŭ devas transloĝi, de unu urbo al alia, ili havas grandan problemon. Problemaron. Estas malfacila afero. Ili devas serĉi novan domon, viziti kaj rigardi plurajn, elekti kaj decidi. Ili devas aĉeti la novan domon, subskribi kontrakton, aranĝi mon-prunton, pagi grandajn mon-sumojn al la makleristo, la juristo kaj la bankisto. Poste ili devas paki ĉion, lui kamionon, iri al la nova domo. Tie ili devas elbati kelkajn murojn, instali la kuirejon en la antaŭa ban-ĉambro, ŝanĝi la tubaron, refarbi ĉion. Pro tio necesas pagi grandajn mon-sumojn al la plumbisto, gasisto, ĉarpentisto, arkitekto, elektristo, pentristo, kaj ĉiu plia tristo. Ili devas saluti la novajn najbarojn, trovi lernejojn por la infanoj, butikojn por ĉiuj, eltrovi kie kaj kiam elmeti la rubon, kaj ĉefe malkovri la mal-agrablaĵojn kiujn la malnovaj posendantoj kaj makleristoj tre lerte preferis prisilenti.

Mi? Neniu problemo. Mi nur paŝas. Paŝas kaj alvenas. La domo kunvenas. Kaj jen, transloĝo farita — simpla, senĝena. Ĉio jam preta.



# Testudo ĉe la limo

1

Testudo mi kun dom' gluita
La tegmento ne truita
Sed sen lukso, sen teraso
Sen ajna ŝanc' de domforlaso.

2

Mi volus kuri tra la mondo
Globo-trota vagabondo;
Sed malfacile mi rapidas
Ĉefe se papag' min bridas.

3

Sur la ŝild' legeblas kvin
Kiomgrade ĝi limigas min?
Ĉu kilometroj hore estu mia eko
Aŭ milimetroj en jardeko?

4

Se ŝild-limigo ja validas
Al konkurenco mi nur ridas
En fabela kuro kun leporo
Mi samrapidas sen laboro!




5

Son-rapide mi ne iras
Ŝtono-ritme pli deziras
Lum-rapide ne konvenas
Lumbriko-stile mi alvenas.

6

Ekestos mi olimpikulo
Kun obeo al la
'kvin'-regulo
En konkurso kun gepardo
Ni alvenos – du –
en sekva mardo!

Stefan MacGill

| | | |
|---|---|---|
| teraso: ekstera balkono | ŝildo: inform-tabulo | tristo: malĝojo |
| troti: kureti | makleristo: dom-vendisto | leporo: rapida besto el fabeloj |
| glob-troti: esplori la mondon | farbi: kolorigi per farboj | gepardo: la plej rapida kato |
| vagabondo: vagulo | arkitekto: dom-planisto | sekva: tuj venonta |

# Konsiloj al gepatroj kaj gvidantoj

La du antaŭaj paĝoj estas por etuloj – kiuj ankoraŭ ne scipovas legi. Ne timu prezenti al tiaj etuloj malbazajn vortojn! Ili sorbas rapide kion ajn, se nur ĝi estas agrable kaj alloge prezentita, en komprenebla kaj ĝuebla kunteksto. Montru la bildojn kaj ekbabilu, ĉu en Esperanto, ĉu en nacia lingvo:

**Malrapidaj bestoj:**

Kiuj bestoj estas malrapidaj en fabeloj? Kiuj bestoj estas entute malrapidaj? Kiu estas la plej malrapida? Kiun malrapidan beston vi plej ŝatas? Kial? Kiujn helpilojn havas malrapidaj bestoj, por ke ili ne suferu pro la malrapideco?

**Rapidaj bestoj:**

Kiuj bestoj estas rapidaj en fabeloj? Kiuj bestoj estas rapidaj entute? Kiu estas la plej rapida ter-besto? Plej rapida akvo-besto? Flug-besto? * Kiun rapidan beston vi plej ŝatas? Kial? Kial utilas al besto iri tre rapide?

**Rapiduloj:**

Kiuj rapidas? En la olimpikaj ludoj, kiom-longe oni bezonas por kuri 100 metrojn? Unu mejlon? (1.6 km). Maratonon? (42 km).

*rendevuo:* konsento renkontiĝi
*limdato:* tempo-punkto ĝis io estu preta
*malfrui:* ne esti ĝustatempa
*ter-besto:* besto kiu vivas sur la tero
*akvo-besto:* besto kiu vivas en oceano, maro, lago aŭ rivero
*flug-besto:* besto kiu kapablas flugi.

**Ĉu vi rapidas?**

Ĉu vi ofte rapidas? Kial? Ĉu vi kuras rapide? Pli rapide ol testudo? Kaj leporo? Kaj gepardo? Ĉu vi povas naĝi rapide? Pli rapide ol ŝarko? Ĉu vi povas grimpi rapide? Pli rapide ol kapro? Ĉu vi povas manĝi rapide? Pli rapide ol porko? Kion vi povas uzi por iri pli rapide? Kiu estas la plej rapida tera transportilo? Kiu estas la plej rapida transportilo entute?

**Malfrui:**

Kial oni malfruas? Ĉu nur malrapidaj bestoj kaj homoj malfruas? Kiel vi sentas kiam iu malfruas al rendevuo kun vi? Ĉu vi ofte malfruas? Kial? Por kiaj limdatoj oni plej ofte malfruas? Ĉu vi povas elpensi situacion en kiu estus tre bone malfrui? Kion oni povas fari por ne malfrui? Ĉu vi povas fari tiujn aferojn?

**Neniam prokrastu al morgaŭ kion vi povas fari hodiaŭ.**
**Se hodiaŭ vi ĝuas ĝin, vi povas fari ĝin denove morgaŭ!**

* Vidu Junan amikon, numeron 54, septembro, 1990, p. 14 kaj 15 – por tiuj el vi kiuj ankoraŭ ne naskiĝis en 1990, ni skanos la paĝojn al www.lernu.net. Ni aldonos tie ankaŭ testudajn ekzercojn – tio ne signifas ke vi malrapide solvu ilin! Por malhelpi tion, ni aldonos ankaŭ leporajn ekzercojn!

LUDE
LA UNIKA DUA ETAGO



# En la ludejo - 3a ĉambro

Saluton mia ludema amiko! Ĉu vi sukcesis solvi la enigmojn de la ludeja 2a ĉambro? Kontrolu vin mem! *(La solvojn vi trovos sur la 23a paĝo.)*

Ĉu vi scias ankoraŭ «emi»? Por refreŝigi vian memoron, jen helpeto por vi:



| ludEMa persono = persono, kiu ŝatas ludi |
|---|

Jes, efektive, mi sciis, ke vi scias! ☺ Kaj ĉu vi ankoraŭ daŭre ludemas? Ni, la Ulidoj jes! Mi, Gajnemulido, invitas vin kaj viajn amikojn al nia mirinda ludo-mondo. Akompanu min kaj miajn amikojn: Kontentulidon, Etulon, Ludemulidon al la novaj aventuroj kaj helpu al ni solvi la enigmojn! Ek al la ĉambro de la mistikaj ciferoj!

## Digitala matematiko

Aldonu unu solan bastoneton por ke la sumo estu ĝusta!
Forprenu unu solan bastoneton, por ke la sumo estu ĝusta!

69+6=74

## Ludu kun ni!

Metu tri pliajn ĵetonojn sur la tapiŝon, sciante ke neniu ĵetono povas havi najbaron en tiuj kvadratoj, kiuj ĉirkaŭas ĝin. Do, kien vi metas viajn tri ĵetonojn? Pripensu bone! ● ● ●

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 4 | 7 | 10 | 13 | 16 | 19 | 22 | ● | 28 | 31 | 34 |
| ● | 5 | 8 | 11 | 14 | 17 | ● | 23 | 26 | 29 | ● | 35 |
| 3 | 6 | 9 | ● | 15 | 18 | 21 | 24 | 27 | 30 | 33 | 36 |



## Kakuro

Ĉu vi konas la fraton de «Sudoku»? Ĝi nomiĝas «Kakuro», kaj jen la reguloj por vere bone koni ĝin: kompletigu la kvadrataron per la ciferoj de 1 ĝis 9 laŭ la sekvaj reguloj:

- la sumo de ĉiu bloko (najbaraj kvadratoj sur la sama linio aŭ kolumno) devas esti ekzakte la sama kiel la cifero en la kolora kvadrato antaŭ la linio aŭ kolumno.
- la sama cifero povas aperi nur unufoje en la sama bloko.

Pintigu vian krajonon kaj ek al laboro!



Esepereble la taskoj ne estis tro malfacilaj, kaj ankaŭ viaj geamikoj helpis al vi. Almenaŭ Kontentulido certe jes, ja li havas tre kontentan mienon! ☺ Kaj ne forgesu la inviton de Gajnemulo, kiu invitas vin en sian familion! Apartenu al la familio de Gajnemulo! Tio estas ja simpla afero: sendu la solvojn al la redakcio kaj gajnu! Bonan ŝancon!



## Solvoj por la antaŭa numero (119)

***Sekvu vian bonan stelon:*** la plusa stelo estis ✦.

***La kompleta familia arbo*** aspektas jene:



Familio ..LUDEMA.... *(kiu ŝatas ludi)*

| (patro) | (patrino) | (filo) | (filino) |
|---|---|---|---|
| LUDEMULO | LUDEMULINO | LUDEMULIDO | LUDEMULIDINO |

Tutkomencanta ***«Sudoku»***:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 2 | 1 | 4 | 3 |
| 4 | 3 | 2 | 1 |
| 3 | 2 | 1 | 4 |
| 1 | 4 | 3 | 2 |



Kaj la ***«Sudoku»*** por niaj aglo-okulaj ludemuloj:

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 7 | 1 | 5 | 2 | 9 | 3 | 4 | 6 | 8 |
| 6 | 3 | 9 | 8 | 4 | 7 | 5 | 2 | 1 |
| 4 | 8 | 2 | 6 | 1 | 5 | 7 | 9 | 3 |
| 5 | 7 | 4 | 1 | 6 | 2 | 3 | 8 | 9 |
| 8 | 6 | 3 | 9 | 5 | 4 | 2 | 1 | 7 |
| 2 | 9 | 1 | 7 | 3 | 8 | 6 | 4 | 5 |
| 3 | 5 | 8 | 4 | 2 | 9 | 1 | 7 | 6 |
| 9 | 2 | 6 | 3 | 7 | 1 | 8 | 5 | 4 |
| 1 | 4 | 7 | 5 | 8 | 6 | 9 | 3 | 2 |

# Reen el la futuro!

La fama filmo havis titolon *Reen al la futuro*. Sed por niaj amikoj Emil kaj Erni la bezono estas vojaĝi reen el la futuro. Vi renkontos iliajn plejlastajn aventurojn sur la sekvaj paĝoj. Jen kruc-enigmo, ne tro malfacila. Ĝia ses-vorta kaŝfrazo prezentas insiston de la duopo pri la transportilo necesa por reporti ilin de la estonteca planedo Kvang al nia mondo. Do, legu la bild-strion kaj poste provu solvi la enigmon. Nur kelkaj el la aliaj vortoj rilatas al la bild-strio. Du literojn ni donas!

Sendu solvojn (sufiĉas la kaŝfrazo) al ni (stefan.macgill@gmail.com aŭ Juna amiko, pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario) ĝis la fino de marto 2008. Ni lotumos premiojn.

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **1** | 2 | | 3 | 4 | 5 | **M** | 6 | | 7 | 8 | 9 |
| 10 | | ■ | 11 | | | ■ | | ■ | 12 | | |
| 13 | | ■ | 14 | | | 15 | | ■ | | ■ | |
| **16** | | 17 | | | | | | | | 18 | |
| | ■ | 19 | | ■ | 20 | | | ■ | 21 | | |
| ■ | 22 | | | 23 | | | | ■ | 24 | | |
| 25 | | | ■ | | ■ | | ■ | 26 | | | |
| **27** | | | 28 | | 29 | | 30 | | | | ■ |
| 31 | | | | ■ | | ■ | 32 | | | ■ | 33 |
| 34 | | | ■ | **35** | | **N** | | | | | |

## Horizontale (→)

1. La komencaj du vortoj de la kaŝ-frazo. (3, 3-6)
10. Sufikso kiun oni uzas en frakcioj. ½ = du__o.
11. Aktive, kun konstateblaj agoj.
12. Emilo kaj Erni estas nun ____ en la pasinteco, ____ en la nuna tempo, ili estas en la estonteco – la futuro. Bedaŭrinde.
13. Kongresa Universitato (mallongigo)
14. Malgranda tapiŝ'. (R, 3-2)
16. Tria vorto de la kaŝ-frazo. (4-5-3)
19. Maldifinita aĵo. „Venas ____, sed ni ne scias precize, kio."

(R) = uzu nur la radikon

20. Korpa organ'. Oni havas du el ili, sub la stomako. (R)
21. Tri-dimensia figuro kun ses facoj formitaj el ses kvadratoj →
Ankaŭ ĉefurbo de insula nacio en Centra Ameriko. (R)



22. La preciza vorto por svisa provinco.
24. Mal-vira.
25. Angla bier-speco.
26. Maniero de estado, situacio. La ___o de Emil kaj Erni inter bunĝiboj kaj zbrugoj ne estas bona. (R)
27. Vortoj 4 kaj 5 de la kaŝfrazo (8,3)
31. Malglate ĉe la marbordo.
32. Asocio de Internaciaj Juristoj. (mallongigo)
34. Tradicia japana dramo.
35. Lasta vorto de la kaŝfrazo.



## Vertikale (↓)

1. La malo de la tago.
2. Komence.
3. Lum-donilon, iam gasan, nun ĉefe elektran.
4. Granda herbo-speca dezerta planto kun floro alta je pluraj metroj. ↑ (R)
5. Atmosferaj kondiĉoj. Oni klopodas prognozi ĝin – ne ĉiam sukcese.
6. La sezono en ne-tropikaj landoj, kiam folioj falas de la arboj, kaj malvarmiĝas.
7. Montritajn.
8. La zbrugoj ___ aĉetas manĝaĵon el Trabanto. Bedaŭrinde.
9. Cirka gimnastikulo (R). Por eniri lav-maŝinon, Emil kaj Erni devintus esti ______oj.
15. Vasta. Ne limigita en areo.
17. Krio de surfisto ĉe plaĝo, por indiki posedo-deziron je mara elstaraĵo, kiu transportos kaj plezurigos lin aŭ ŝin (ĝis ĝi inversigos ŝin aŭ lin). (3, 4)
18. Eklipsoj povas esti sunaj, sed pli ofte ili estas ________.
22. Identa kopio, ekzemple, la ŝafo 'Dolly'.
23. En tiu loko.
25. Komencon.
26. La plej rapida maniero iri suben en la alpoj dum vintro.
28. Esprimo de senesperiĝo aŭ bedaŭro.
29. Mal-jesu.
30. Emilo iris en la pasintecon kaj ____is sian amikon Erni de la romia galero. (R)
33. La verba finaĵo kiu montras la tempon, kien Emil kaj Erni deziras reiri.

*Skribu la kaŝ-frazon! Por Emilo kaj Erni...*

**□□□ □□□-□□□□□□ □□□□-**
**□□□□□-□□□ □□□□□□□□**
**□□□ □□□-□□□□□!**




## VORTKLARIGOJ

*mendi:* antaŭ-aĉeti
*regebla:* tio, kio estas direktebla
*babilema:* inklina al multa parolo
*vori:* manĝegi per buŝplenegoj
*sezono:* jar-parto (zblar-parto!?)
*ŝirmi:* protekti, konservi nevidebla
*akompani:* kuniri
*heroo:* brava persono
*kulmina:* pinta, ĉefa
*atleto:* sportisto kura aŭ salta
*digesto:* manĝaĵa prilaboro en stomako(j)
*misdigesto:* manĝaĵa mis-prilaboro en stomako(j)




* Kvankam la klientoj estas ekskluzive zbrugoj kaj tempo-vojaĝantoj, la servistoj estas ĉiuj invizoj – specio kies vizaĝ-elementoj estas aranĝitaj inverse: okuloj sube, buŝo supre. Tio ebligas plenumon de la restoracia slogano:

Super ĉio – la rideto!

**Ĉu ili sukcesos? Eksciu en la sekva numero!**

# Trovu sekretan respondon al nia demando!

Legu la lastajn du epizodojn de Emil kaj Erni kaj kompletigu la subajn naŭ dirâĵojn. Por ĉiu spaco mankas unu vorto. Poste skribu la komenc-literojn de la aldonitaj vortoj en la kestoj, de maldekstre dekstren. Se vi saĝe respondis, vi legos la respondon al nia demando:

**Kiuspeca transportilo estas la lav-maŝino?**

☐ ☐ ☐ ☐ ☐ ☐ ☐ ☐ ☐

1. Nenio estas malpli ________ ol preterdata tempo-maŝino!
2. Ĝi donas al mi ideon, kiel ni ________!
3. Vekiĝu, ________. Estas jam tempo tagmanĝi!
4. Mi ne volas vian piedon en mia _______ denove.
5. ______ al mi rakonti pri la artrito en miaj tigoj.
6. Ni povas mendi _____ kaj eskapi per ĝi.
7. En bona tago, _______ tri dravaĝoj en snuĉiblo.
8. Kie estas viaj spac-stacioj, _________ krozoj?
9. Ni volonte _______ vin por finrakonti pri mia praavo.

Por plia glor-sento, decidu kiu diris la suprajn naŭ dirâĵojn, al kiu(j) kaj kie ili estis. Sendu respondojn al ni (adreso p.24); ni lotumos premiojn.

Erni plendis pri larĝa bildo-kesto. Li alvenis tri monatojn tro malfrue por rimarki alian sam-paĝan larĝaĵon; jen respondo al la kruc-enigmo kiu aperis en nia antaŭa numero.

| | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| L | A | D | I | F | E | R | E | N | C | O | I | N | T | E | R | G | E | N | I | E | C | O | K | A | J | S | T | U | L | T | E | C | O |
| I | R | I | | A | P | E | R | I | | | N | | E | T | E | R | N | E | | S | K | O | L | D | U | | U | L | E | K | S | O | N |
| M | I | S | I | L | O | N | | Ĝ | A | S | T | | G | | G | A | L | A | N | T | | | I | | Ĝ | I | R | A | R | T | O | | D |
| E | S | T | A | S | K | E | G | E | N | I | E | C | O | H | A | V | A | S | S | I | A | J | N | L | I | M | O | J | N | | T | R | U |
| R | | A | L | E | O | | | R | E | B | R | I | L | O | | U | S | | A | M | K | R | I | U | S | | N | | E | K | E | | M |
| I | O | N | | P | | S | P | I | T | E | | M | O | N | T | R | A | S | | A | L | I | G | I | T | O | | A | G | O | R | D | I |
| K | | C | I | R | O | | I | O | | R | I | O | | T | O | A | S | T | I | T | A | | A | N | A | T | O | M | I | A | | A | T |
| O | M | O | | I | N | C | E | N | D | I | O | | P | E | N | S | | T | E | A | M | E | S | T | R | O | | I | S | L | A | M | A |

# KVINO KVIZO

Stefan MacGill

**Legu la rakonton, (eventuale kovru la tekston) kaj respondu la kvin kvizo-demandojn. Kontrolu viajn respondojn kaj kalkulu viajn poentojn!**

## Ĉu la heroo saltos?

Frik kaj Frak rigardas vidbendon en la televido. Subite la heroo de la filmo grimpas al tegmento; sekvas ŝin malamika bando. Do, ŝi iras al la rando, sed rigardas suben kaj hezitas. Frak haltigas la bendon kaj diras:

"Ni vetu dudek stelojn ĉu ŝi saltos aŭ ne."

"Mi akceptas," diras Frik: "Mi vetas ke ne."

"Bone. Mi vetas ke jes." diras Frak kaj re-enŝaltas la filmon.

La heroo saltas, sed komplete malsukcese. Ŝi ne atingas la fenestro-breton en la muro de la najbara domo, falas longan distancon, kie la viro kiu posedas butikon ĵus forrulis sian kanvasan sun-ŝirmilon, tiel ke la heroo falas rekte sur la trotuaron. Je la sono de ambulanca sireno, Frak elŝaltas la filmon kaj krias triumfe:

"Ha, mi gajnis. Vi donu al mi dudek stelojn!"

Frik malĝoje donas la monon. Ili plue rigardas la filmon. Fine, Frak konfesas: "Frik, vi estas ne tro inteligenta. Ĉu vi ne memoras ke mi jam rigardis ĉi tiun filmon antaŭ unu semajno? Mi sciis jam anticipe ke la heroo saltos."

"Jes, mi memoras ke vi jam vidis la filmon. Mi envenis dum vi rigardis, kaj ankaŭ mi vidis tiun parton."

"Frik! Ĉu vere?"

"Jes, mi memoras kiam ŝi kuris al la rando kaj hezitis kaj mi vidis ŝin fali."

"Do, kial vi vetis ke ŝi ne saltus?"

"Nu, ŝi estas inteligenta heroo. Mi kredis ke ŝi pli saĝe decidus la duan fojon!"



## ❶ Tasko unu: via sumo el dek poentoj: ☐

*La maldekstra kolumno prezentas dek vortojn el la rakonto. La dekstra kolumno prezentas dek difinojn. Sed la ordo ne estas ĝusta. Ligu la vortojn kun la difinoj.*

| | |
|---|---|
| 1. trotuaro | A: ilo kiu povas prezenti filmon |
| 2. bando | B: teni en la menso |
| 3. sireno | C: sav-veturilo |
| 4. vidbendo | Ĉ: sep-taga periodo |
| 5. najbara | D: la supra parto de domo |
| 6. veto | E: loko kie piedirantoj paŝas |
| 7. memori | F: hazard-ludo |
| 8. semajno | G: bruilo por averti pri danĝero |
| 9. tegmento | Ĝ: hom-grupo |
| 10. ambulanco | H: apuda |

## ❷ Tasko du: via sumo el dek poentoj: ☐

*Jen dek frazoj pri la rakonto. Sed agento de KREVO eniris nian revuon kaj malordigis ilin. Decidu, kiu estas la ĝusta ordo, se eble sen rerigardi la rakonton!*

1. Frak haltigas la vidbendon la duan fojon.
2. Frik konfesas ke li jam vidis la filmon.
3. La heroo eksaltas kaj la butikisto ĵus forrulis sian sun-ŝirmilon.
4. Frik klarigas kial li kredis ke la heroo ne saltos.
5. Malamika bando ĉasas la heroon sur tegmento.
6. Frik malĝoje donas al Frak dudek stelojn.
7. La heroo venas al tegmenta rando kaj hezitas.
8. La heroo falas kaj frapas la trotuaron.
9 Frik kaj Frak rigardas vidbendan filmon.
10. Frak haltigas la bendon la unuan fojon, kaj ili vetas.

## ❸ Tasko tri: via sumo el dek poentoj: ☐

*Elektu la ĝustan vorton, laŭ la rakonto, el la tri proponoj.*

1. La butikisto ĵus (forrulis/ fortikigis / fordonis) sian sun-ŝirmilon.
2. La heroo ne (atentis / atendis / atingis ) la najbaran muron.
3. Frik (malĝoje / malavare / malice) donis la vetitan monon.

4. Ĉu vi ne (murmuras / tre miras / memoras) ke vi vidis la filmon?'
5. Post la veto-faro, Frak ( re-enŝaltas / re-enŝovas / re-enŝutas) la vidbendan filmon.
6. Ni rigardis ĉi tiun filmon antaŭ (semajno / jaro / jarmilo).
7. Ni (aĉetu / ĵetu / vetu) dudek stelojn.
8. Frik opinias ke la heroo estas (diligenta / inteligenta / sentema).
9. Frak sciis jam anticipe ke la heroo (haltos / saltos / singultos).
10. Mi kredis ke ŝi pli ( saĝe / kuraĝe / grandaĝe) decidus la duan fojon.

## ❹ Tasko kvar: via sumo el dek poentoj: ☐

*Respondu ĉu la frazo estas vera, malvera aŭ nesciebla el la rakonto.*

1) La heroo estas virino.
2) La butikisto estas virino.
3) La sun-ŝirmilo estas kanvasa.
4) La ŝoforo de la ambulanco estas virino.
5) Ili vetis kvardek stelojn.
6) Frak dufoje elŝaltis la bendon dum la rakonto.
7) Frak nun unuafoje rigardis ĉi tiun vidbendon.
8) La falo de la heroo estis mildigita pro la sun-ŝirmilo.
9) Frik ne komprenas bazan econ de vidbendaj filmoj.
10) Frak ne komprenas kiel uzi vidbendilon.

## ❺ Tasko kvin: via sumo el dek poentoj: ☐

*Ni proponas kvar respondojn por ĉiu demando. Elektu la ĝustan.*

1. La heroo saltas...
   - **A:** komplete sukcese.
   - **B:** komplete malsukcese.
   - **C:** duon-sukcese.
   - **Ĉ:** kaj flugas for por savi la mondon.

2. Se vi scias ion anticipe...
   - **A:** vi baldaŭ ekscios ĝin.
   - **B:** vi certe neniam forgesos ĝin.
   - **C:** vi jam eksciis ĝin.
   - **Ĉ:** vi neniam en via vivo scios ĝin.

3. Kiu el la sekvaj okazis?
   - **A:** Frik donis al Frak dudek stelojn.
   - **B:** Frik donis al Frak ducent stelojn.
   - **C:** Frik donis al Frak vidbendilon.
   - **Ĉ:** Frik donis al la heroo bonan konsilon.

4. Tiu, kiu rulis la sun-ŝirmilon estas...
   - **A:** dungito de la butiko.
   - **B:** la posedanto de la butiko.
   - **C:** virino.
   - **Ĉ:** bona amiko de la heroo.

5. Tiu persono forrulis la ŝirmilon...

**A:** ĉar la heroo vundiĝis.
**B:** ĉar la estro de la malamika bando ordonis tion.
**C:** por ke la heroo vundiĝu.
**Ĉ:** tiel ke la heroo vundiĝis.



6. Frik...

**A:** tute ne sciis ke Frak vidis la vidbendon.
**B:** sciis tion, sed ne envenis dum Frak rigardis.
**C:** sciis tion, kaj eĉ envenis dum Frak rigardis.
**Ĉ:** nur supozis ke Frak eble vidis ĝin.

7. Frak elŝaltis la vidbendon unuafoje kiam la heroo haltas kaj...

**A:** rigardas supren kaj insistas.
**B:** rigardas malantaŭen kaj rezistas.
**C:** rigardas suben kaj hezitas.
**Ĉ:** aŭskultas kaj aŭdas ambulancan sirenon.



8. Frak elŝaltis la vidbendon duafoje...

**A:** antaŭ ol li aŭdis la ambulancan sirenon.
**B:** je la sono de la ambulanca sireno.
**C:** dek minutojn post la aŭdo de la sireno.
**Ĉ:** kiam la heroo proksimiĝis al la tegmenta rando kaj hezitis.



9. La heroo volis salti al la...

**A:** tegmento de la najbara domo.
**B:** tegmento de la alvenanta ambulanco.
**C:** fenestro-breto en la muro de la najbara domo.
**Ĉ:** kanvasa surfaco de la sun-ŝirmilo.

10. Frak elŝaltis la bendon la unuan fojon...

**A:** ĉar li ne plu volis rigardi la filmon.
**B:** ĉar li devis urĝe iri al la necesejo.
**C:** por veti ke li kapablas reenŝalti la filmon.
**Ĉ:** por veti ke la heroo saltos.

*La ĝustaj respondoj aperos en numero 2008/1 de nia revuo. Se vi estas senpacienca, rigardu pli frue en www.lernu.net. Iru al la biblioteko kaj elektu la ligon al* Juna amiko. *Vi trovos ekde januaro 2008 la respondojn. Via rezulto:*

☐ + ☐ + ☐ + ☐ + ☐ = ☐ x2 = ☐ %

el 10 el 10 el 10 el 10 el 10 el 50 el 100

Por kalkuli la elcentaĵon (%), obligu per du.

# Interkultura mondo

Rubrikestro: Elena Nadikova,
E-klubo „Betuleto",
Lernejo/Ŝkola 56,
pr. Traktorostroitelej, 38
RU-428028 Ĉeboksari, Rusio.

www.interkulturo.net

Saluton, karaj amikoj! Finiĝis somero kaj aŭtuno. La kalendaro indikas decembron; malantaŭ la fenestro en pli nordaj mondpartoj estas vintro, kvankam malsama en diversaj regionoj. Multaj el ni prepariĝas renkonti Kristnaskon kaj Novjarfeston. Kaj dum festoj oni kutime invitas gastojn. Jen hodiaŭ en nia Interkultura Mondo (kvankam pli ĝuste estus diri: en nia Interkultura gastsalono) estas gasto – esperantisto el Hispanio. Bonvolu konatiĝi kun Carlos Hernandez Moreno. Lia profesio: arbar-gardisto. Lia patrio: Barcelono, Katalunio.



*E.N.* – Carlos, vi havas sufiĉe neordi-naran profesion. Kial vi iĝis arbar-gardisto?

*C.H.* – Ĉar mi ĉiam volis esti. Kiam oni demandis min en mia infaneco, kio mi volas iĝi, mi respondis: arbar-gardisto. Ankaŭ mia pra-avo estis arbar-gardisto.

*E.N.* – La profesio de arbar-gardisto ne estas rekte ligita kun lernado de lingvoj. Kiel vi „venis" al Esperanto?

*C.H.* – Antaŭ kelkaj jaroj unu el miaj amikoj rakontis al mi pri Esperanto. Li mem ne estis esperantisto, sed sciis pri la lingvo. Dum longa tempo mi ne sciis, kiuj parolas Esperanton kaj kie eblas ĝin lerni. Mi sentis min forlasita, sed finfine mi vidis sur-stratan anoncon. En ĝi estis skribite, ke komenciĝas kursoj pri la lingvo Esperanto. Tio okazis en 2004. Tiel mi konatiĝis kun la Internacia lingvo.

*E.N.* – Kaj kial vi decidis lerni ĝin?

*C.H.* – Al mi tre plaĉis la ideo de la Internacia lingvo, kiu helpas homojn interkomuniki.

*E.N.* – Kiujn avantaĝojn, laŭ vi, havas Esperanto?

*C.H.* – Ĝi estas tre facila por lernado. Ankaŭ facile estas uzi ĝin: eĉ se vi tute malmulte lernis Esperanton, vi povos interrilati per ĝi. Kaj ĉefe – ĝi estas "viva", ĝi funkcias.



*E.N.* – Kion "donis" Esperanto al vi?
*C.H.* – Novajn amikojn, eblon vojaĝi.
*E.N.* – En kiuj landoj vi jam estis?
*C.H.* – En Francio, Polando, Andorro, Aŭstrio, Germanio.
*E.N.* – Kaj kiujn vi volus viziti?
*C.H.* – Rusion, Kanadon.
*E.N.* – Kial ĝuste ilin?
*C.H.* – Tie estas multe da arbaroj!
*E.N.* – Carlos, ĉu vi membras en iu Esperanto-organizo?
*C.H.* – Jes, en la E-centro en Sabadelo [*apudurbo de Barcelono*].
*E.N.* – Kiom da anoj estas en via organizo?
*C.H.* – Proksimume 150 homoj. Tamen ne ĉiuj regule vizitas la centron. Kutime regule kunvenas kelkaj homoj.
*E.N.* – Kiuj ili estas laŭ profesio?
*C.H.* – Ili havas diversajn profesiojn: estas muzikistoj, instruistoj kaj aliaj specialistoj [arbargardisto, interalie ].
*E.N.* – Kaj laŭ aĝo? Ĉu estas infanoj inter la membroj?
*C.H.* – Ne. La plimulto el la anoj estas plen-kreskuloj. Fakte en Katalunio estas du asocioj: Kataluna Esperanto-Asocio kaj Kataluna Esperanto-Junularo. Ambaŭ funkcias.
*E.N.* – Ĉu via asocio havas rilatojn kun aliaj E-organizoj?
*C.H.* – Jes. Kun TEJO, UEA.
*E.N.* – Kiaj aranĝoj okazas ĉe via asocio?
*C.H.* – Kutime ili estas diversaj senprogramaj renkontiĝoj. Ekzemple, ĉi-somere okazis interesa senprograma renkontiĝo. Homoj ripozis, gajis.
*E.N.* – Carlos, mi ne povas ne demandi vin. Kiel vi opinias, ĉu Esperanto estos iam la dua lingvo en Hispanio?
*C.H.* – Mi tre volus kredi! Tamen dume mi ne povas. Mi ne estas optimisto. En Hispanio Esperanto ne estas tiom disvastigita. Mi rakontis pri ĝi al multaj personoj, sed neniu dume eklernis ĝin. Tamen mi ĉiam diras, ke sano komenciĝas ĉe la homo mem. Ni mem devas agi por disvastigo de la Internacia lingvo.
*E.N.* – Jes, vi pravas. Se ĉiu ekvolos kaj penos, Esperanto nepre iĝos lingvo por ĉiu. Mi ne dubas! Ni konversaciis pri du festoj: Kristnasko kaj Novjaro. Kion vi dezirus al legantoj de *Juna Amiko*?
*C.H.* – Lernu Esperanton kaj estu feliĉa!

**E.N. –Dankon, Carlos! Mi aliĝas al viaj vortoj kaj ankaŭ deziras al vi kaj al ĉiuj niaj legantoj feliĉon, sanon kaj gajajn festojn! Esperu pri Esperanto!**

## La ĉeflando de esperantistoj en 2008




# NEDERLANDO

Universala Esperanto-Asocio (UEA) estis fondita antaŭ 100 jaroj. Ĝia Centra Oficejo (CO) troviĝas en Nederlando (Roterdamo), kie okazos la venont-jara 93a Universala Kongreso (UK) de Esperanto.

Ĉu vi scias, kie situas Nederlando? Mi jam aŭdas bonajn respondojn: en Eŭropo, nord-okcidenta, ĉe la Norda Maro. Nederlando estas malgranda lando, tamen multaj homoj loĝas tie: 16 milionoj. Nederlando estas moderna lando, sed havas ankaŭ multajn malnovajn monumentojn, kiujn turistoj ŝatas viziti (ekzemple la muelilojn en Kinderdijk apud Roterdamo). **Roterdamo** estas grandega haven-urbo. Ĝi estas fama pro moderna arkitekturo. La Erasmo-ponto, nomita laŭ la fama humanisto el la 16a jar-cento, estas nun la simbolo de la urbo.


Erasmo Roterdama (1466-1536)

Kial la lando havas la nomon Nederlando? Ĉar *neder* signifas *malalta*. Kelkaj partoj de la lando, precipe en okcidento, estas tre malaltaj, eĉ sub la mar-nivelo. Se la maro povus libere enflui la landon, grandaj partoj estus sub mar-akvo. Digoj protektas la landon kontraŭ ĝi.

Mueliloj estis bonaj energi-liverantoj jam en la 17a jarcento, kiam oni ankoraŭ ne havis karbon kaj kiam oni uzis lignon de arboj aŭ torfon el marĉoj por kuiri kaj sin varmigi.

Pri kio vi pensas, kiam oni diras Nederlando? Ĉu pri flor-bulboj, lignaj ŝuoj, fromaĝo, ter-pomoj aŭ pri Johan Cruyff, la iama fama futbalisto? Ofte oni prezentas tiujn aĵojn kiel tipe nederlandajn. Sed sciu, ke ekzemple tulipo devenis origine el Turkio en la 16a jarcento. Poste la nederlandanoj kultivis ĝin kun granda ŝatego. La tulipo-manio daŭris ĝis la mezo de la 17a jarcento, kiam la komerco kolapsis. En 1944, la lasta jaro de la dua mond-milito, homoj en la grandaj urboj devis manĝi bulbojn pro manko de alia nutraĵo.

Terpomo estas ekzemplo de tipe nederlanda manĝaĵo. Oni ofte manĝas ĝin kun karoto, krispa brasiko aŭ saŭrkraŭto. Fakte, tiu terpomo devenas el Sud-Ameriko, el Ando-montaro. En la 16a jarcento hispanoj kunportis ĝin. Fama pentraĵo de Van Gogh temas pri *"terpommanĝantoj"*: ter-kultivistoj kun



*Van Gogh (1853-1890): Memportreto*

siaj krudaj vizaĝoj manĝas terpomon el kuir-poto ver-ŝajne kun iom da butero apude, sub la lumo de ole-lampo. Vere, en tiu tempo homoj en la kamparo vivis mizere, sed nun-tempe ne plu.

Kiu ŝatas muzikon, eble foje aŭdis strat-orgenon aŭ gurdon. En diversaj nederlandaj urboj oni ankoraŭ povas aŭskulti ĝin en stratoj. Turistoj ŝatas foti. Sed nur antaŭ 130 jaroj gurdoj aperis en nederlandaj urboj. En 1920, en Breda estis fondita nederlanda fabriko de gurdoj, kaj nur tiam ĝi fariĝis vere nederlanda. Do, kio estas konsiderata kiel "tipe nederlanda" tamen havas ofte originon el alia lando.

En la 17a jarcento multaj homoj fuĝis al Nederlando pro relativa toleremo. Judoj el Hispanio kaj Portugalio venis, hugenotoj (francaj protestantoj) el Francio, k.s. Nederlando akceptis ilin. Kelkaj el tiuj homoj fariĝis gravaj figuroj, kiel *Spinoza*, fama filozofo.

Nederlando havis koloniojn en Azio (Indonezio nun-tempe) kaj Ameriko (Surinamo; Nov-Jorko estis antaŭe Nov-Amsterdamo). Pro tio en la stratoj vi vidos surinam-devenajn kaj indoneziajn homojn. En la pasintaj jar-dekoj aldoniĝis multaj rifuĝintoj el diktatoraj landoj kaj ankaŭ enmigrintaj laboristoj kiel italoj, hispanoj, turkoj kaj marokanoj. Tio kaŭzas problemojn ankaŭ en la lasta tempo, kiel vi eble aŭdis. Ni esperu, ke Nederlando revenos al sia tradicio de toleremo.

Esperanto Nederland (nomo de la landa organizo) havas ĉirkaŭ 400 aktivajn esperantistojn. Ili deziras disvastigi Esperanton kaj turni la atenton al la lingva problemo de Eŭropo.

*Bert de Wit, Nederlando*



*Johan Cruyff*

**PIED-NOTOJ** sur paĝo 38.

# humuro

Saliko,
Dieter Berndt,
Elizabeta Rajtmár

*Du vaguloj interparolas drinketante vinon el botelego.*
*"Kie vi loĝas, kamarado?"*
*"Nenie."*
*"Bone, ni estas do najbaroj."*

**Oni ne rajtas bati la kremon. Ĝi faris ja nenion malbonan.**



Malgranda Jakvo rehejmiĝas tre kontenta kaj diras al sia patro:
"Aŭskultu, paĉjo, hodiaŭ mi gajnis almenaŭ unu eŭron!"
"Ĉu?! Kiel vi faris?"
"Mi ne enbusiĝis, sed kuris post la aŭtobuso ĝis la fina haltejo."
"Nu, bone. Sed se vi kurus post taksio, vi gajnus dekoble pli."

**PIEDNOTOJ de NEDERLANDO** (paĝoj 36-37)
*arkitekturo:* konstru-arto / *bulbo:* glob-forma subtera radiko / *digo:* ŝirma altaĵo kontraŭ mar- aŭ river-altiĝo / *diktatoro:* ŝtatestro kun absoluta rego-povo / *fondi:* krei, estigi ion / *futbalo:* pied-pilko / *humanisto:* fakulo, kiu studis la antikvajn (helenan, latinan) kulturojn / *karoto:* legomo kun ruĝa radiko / *kolapsi:* subite ĉesi funkcii / *kolonio:* lando, kiun regas kaj ekspluatas transmara ŝtato / *krispa:* io kun ond-linia supraĵo / *kultivi:* kulturi kamparon / *liveri:* havigi, doni, alporti / *manio:* troa ŝato, prefero / *marĉo:* senflua akvaĵo el vegetaĵoj / *moderna:* apartenanta al la nuna epoko / *monumento:* art-verko – por la publiko – memoriganta pri fama persono / *origino:* naskiĝejo, deven-loko / *orgeno:* blov-muzikilo de preĝejoj / *relative:* kompare al aliaj similaj / *saŭrkraŭto:* manĝaĵo el brasiko, lardo, kolbaso / *simbolo:* io, kio vekas bildon pri io alia / *situi:* troviĝi, okupi lokon / *tipe:* karakterize / *torfo:* bruligebla materialo ricevita el marĉo / *tulipo:* speco de floro / *universala:* tut-monda, koncernanta ĉiujn.



Amiko rakontas: *"Forlasis min mia edzino. Ĉu povus ankoraŭ okazi al mi io pli malbona?"*
La alia respondas: *"Certe. Ke ŝi revenos."*

## Malbonaj manĝaĵoj

Du amikoj renkontiĝas.

"Mi aŭdis, ke vi edziĝis."

"Jes, ĉar ne plaĉis al mi la manĝaĵoj en restoracio."

"Kaj ĉu nun?"

"Nun ili jam plaĉas."

*

"Kara mia, mi esperas, ke vi ne protestus, se via patrino baldaŭ fariĝus mia bopatrino."

"Mi ne protestus, se mi havus fratinon."

*

*Kio saltegas kaj blekas: kem kem?*

*Kapro, kiu retroiras.*

Knabeto demandas al sia patrino: *"Panjo, ĉu Dio donas nian ĉiu-tagan panon?"*

"Jes, fileto, vi pravas."

*"Ĉu Jesuo alportas donacojn al bonaj infanoj?"*

"Jes ja."

*"Kaj kion faras paĉjo tutan tagon?"*

***SOLVOJ de Testo*** *(paĝo 49)*

1 – Ĉ / 2 – I / 3 – E / 4 – Ĝ / 5 – O / 6 – A / 7 – K / 8 – M / 9 – P / 10 – G / 11 – Ĥ / 12 – L / 13 – B / 14 – N / 15 – D / 16 – H / 17 – J / 18 – Ĵ / 19 – C / 20 – F

***SOLVOJ de DIVENU*** *(paĝo 41)*

1 – senlaborulo / 2 – sencerbulo, sensaĝulo / 3 – senvestulo / 4 – senhejmulo / 5 – senmonulo / 6 – senhavulo / 7 – senpiedulo / 8 – senharulo / 9 – sendiulo / 10 – senaŭtulo / 11 – senesperulo / 12 – senhontulo / 13 – senkorulo / 14 – sentimulo / 15 – sendankulo / 16 – senbienulo / 17 – senĉapulo / 18 – sentelefonulo / 19 – senvundulo / 20 – Sennaciulo.

*Se vi atingis 17 poentojn aŭ pli, premiu vin per peco da krem-torto!*

# Manĝo-bastonetoj

**(Laŭ „*Raportoj el Japanio 10*” de Jasuo HORI)**

En Eŭropo kaj Usono oni manĝas per kulero, forko kaj tranĉilo. Mi miras, kiel lerte ili uzas tiun manĝilaron, sed sam-tempe demandas al mi en la koro, kial ili ne inventis pli oportunan manĝilaron.

En Nepalo kaj Barato mi vidas homojn uzi fingrojn por manĝi. Ili fiere diras, ke uzante fingrojn, ili ĝuas la manĝaĵon kvaroble pli bone. Mi komprenas ilian diron, sed samtempe pensas, ke estas ĝene kaj malhigiene manĝi per fingroj. Kompare kun tiuj du manĝo-manieroj, mi konkludas, ke manĝobastonetoj estas pli bonaj inventaĵoj ol eŭrop-stila manĝilaro aŭ nepalaj kaj baratai fingroj.






Manĝobastonetoj havas kelkajn avantaĝojn, nome ili estas pli simplaj kaj malpezaj ol eŭropa manĝilaro. Ili estas facile porteblaj. Per ili ni povas preni eĉ sezaman semon. Ili postulas pli da delikataj movoj de fingroj, kaj tio pliklerigas nin, ĉar fingroj estas, oni-dire, ekstera cerbo, kaj uzante bastonetojn ni trejnas nian cerbon. Ili funkcias kiel forko kaj tranĉilo, sed bedaŭrinde ne kiel kulero, tamen tio ne ĝenas nin, ĉar japana misosupo estas en taso, sekve ni povas ĝin trinki (ne manĝi).

Manĝobastonetoj estas uzataj krom en Ĉinio, ankaŭ en Koreio, Japanio kaj Vjetnamio, nome en landoj, kiujn influis la ĉina kulturo.

Tamen ĉi tiuj manĝiloj diferencas laŭlande. La ĉinaj estas longaj, dikaj, kvadrataj ĉe sekco, ne pintaj kaj nun ofte faritaj el plasto. La koreaj estas mez-longaj, plataj kaj faritaj el metalo. Oni uzas ilin kune kun kulero (en Koreio estas ne dece meti tason sur la lipojn). La japanaj estas mezlongaj, rondaj aŭ kvadrataj ĉe sekco, pintaj, maldikaj kaj faritaj ĉefe el ligno.

En Japanio hejme ĉiu havas siajn proprajn bastonetojn; por infanoj tre mallongaj, ofte el plasto, por virinoj iom mallongaj kaj por viroj longaj. En kuirejoj estas diversaj bastonetoj (el bambuo aŭ metalo) por kuirado.

Ĉiun tagon en la tuta Japanio grandega kvanto da manĝobastonetoj estas forĵetitaj. Medi-protektemuloj, ne volante fari tion, ĉiam kunportas la siajn por uzi ilin ekster-hejme.

Ali-cele mi kunportas miajn bastonetojn, kiam mi vojaĝas eksterlanden. Ĉe tagmanĝo en ekskursoj de UK mi elprenas la manĝobastonetojn kaj montras tiujn. Kaj tio donas tre bonan temon priparoli kaj naskas amikan etoson inter samtablanoj. Tiamaniere mi rajtas manĝi per bastonetoj tie, evitante uzi forkon kaj tranĉilon malbele kaj mallerte.

## DIVENU

**pri kiuj *sen...uloj* temas!**

1. homo, kiu ne havas laboron
2. malsaĝega persono
3. nudulo
4. tiu, kiu ne havas loĝejon, hejmon
5. kiu elspezis sian monon
6. tre malriĉa homo
7. kies piedoj estas amputitaj
8. kalva persono
9. homo, kiu ne kredas je Dio
10. tiu, kiu ne posedas aŭton
11. persono, kiu perdis ĉiuj esperojn
12. homo, kiu mensogas, trompas
13. tiu, kiu ne bedaŭras, ne sentas kompaton
14. homo, kiu timas nenion
15. tiu, kiu ne dankas pro bonfaro(j), helpo
16. terkultivisto, kiu ne havas propran bienon
17. kiu ne surhavas ĉapon
18. homo, kiu ne havas telefonon
19. tiu, kiu ne vundiĝis en akcidento
20. revuo de SAT (vd. p.2 de JA n-ro 2/2007)

*Kontrolu vin sur paĝo 39*

*bambuo:* alta rekta kreskaĵo kun trunko interne malplena / *Barato:* Hindio / *etoso:* spirita atmosfero, humoro / *funkcii:* plenumi taskon / *higiena:* rilata al sano / *influi:* havi efikon sur ies penson / *inventi:* elpensi ion novan / *konkludi:* tiri sekvojn el faktoj / *medio:* la ĉirkaŭanta naturo / *misoo:* pastaĵo el soj-fabo aŭ rizo / *sezamo:* herbo-speco kun oleo-havaj semoj / *sekco:* rekta tratranĉo.

Árpád Ratkai

6

# Bildoj el la historio de ESPERANTO

## VI. Fundamento de Esperanto

Krom la apero de la lingvoprojekto en 1887 la plej grava evento en la historio de Lingvo Internacia estis la unua internacia kongreso de esperantistoj en la franca urbeto Bulonjo (Boulogne-sur-Mer). La 9an de aŭgusto 1905 ĝia kunsido akceptis la dokumenton **Deklaracio pri la esenco de la Esperantismo** (mallonge: Bulonja Deklaracio).

Jam en 1887 „unu fojon por ĉiam" Zamenhof rezignis pri la aŭtoraj rajtoj de la lingvo, sed en 1905 prezentis al la kongreso la verkon **Fundamento de Esperanto**. En tiu verko li fiksis la strukturon kaj la bazan vortaron de la lingvo. Ĝi enhavis la ĉefajn trajtojn de la lingvo, kiu jam havis 18 jarojn, sed kiu tute ne estis **la** lingvo, nur ĝia kerno, ĝia fundamento. Tiun dokumentitan tradicion la Bulonja Deklaracio deklaris netuŝebla.



Malgraŭ la fiksado de la ĝis 1905 kristaliĝinta tradicio, la Fundamento permesas pliboniĝadon kaj perfektiĝadon de la lingvo. Tial la Akademio ĝis 2007 publikigis jam naŭ listojn (Oficialajn Aldonojn) de la disvastiĝintaj kaj akceptitaj lingvo-elementoj, kiuj estas same forte rekomenditaj, kiel la Fundamento.

Ankaŭ en Esperanto ofte ekuziĝas sinonimoj, eĉ apud la fundamentaj vortoj. Ekzemple apud la vorto „miozoto" aperis kaj disvastiĝis la vorto „neforgesumino", kaj apud la vorto „Finnlando" aperis la vorto „Suomio". Sendepende de la disvastiĝo de la novaj vortoj ĉiuj fundamentaj vortoj restas por ĉiam, ne eblas „forigi" ilin. La lingvaj tradicioj estas nek pli nek malpli devigaj ol en iu ajn nacia lingvo.

La Kongreso elektis provizoran **Lingvan Komitaton** kun la tasko gardi la fundamentajn principojn de Esperanto kaj kontroladi la evoluon de la lingvo. La pli ol centmembra Komitato en 1908 starigis ankaŭ alian, superan komitaton el si, ĝian Akademion.

Tamen ekde 1948 ekzistas nur unu lingva institucio: **Akademio de Esperanto**. Ĝi havas 45 membrojn, kiuj konservas sian postenon dum 9 jaroj. Ĉiun trian jaron grupo de akademianoj eliras, kaj okazas rebalotoj. La

prezidanton akademianoj elektas el inter si. Ekzemple la 14-an de septembro 2007 oni elektis prezidanto la anglan fonetikiston, emeritan profesoron **John Wells** (1939).

Laŭ la Deklaracio Esperantismo estas penado disvastigi Esperanton, kiu estas „lingvo neŭtrale homa", kiu **„neniom celante elpuŝi la ekzistantajn lingvojn naciajn"** servas kiel „paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalas inter si pri la lingvo."

Mankis en la Deklaracio la t. n. idea flanko de Esperanto, pri kio parolis Zamenhof en la Dua Kongreso de Esperanto en 1906. Temas pri la homa interfratiĝo kaj la proksimiĝo inter la popoloj.

Tiu tasko aparte reliefiĝis post la dua mondmilito, ja la celoj de UN kaj Esperanto-movado ne estis kontraŭaj, eĉ parte koincidis. Tial en 1950 la 35a Universala Kongreso de Esperanto en Parizo rezolucie **subtenis „ĉiujn sincerajn klopodojn por sekurigi la pacon"** kaj nomis la Internacian Lingvon „grava antaŭiganto de internacia solidareco."

En 1951 la Bulonjan Deklaracion kvazaŭ kompletigis **Deklaracio pri la celo de la Esperanto-movado** akceptita de la 36a Universala Kongreso de Esperanto en Munkeno. Laŭ ĝi el vasta uzado de la Internacia Lingvo logike rezultas **„plifirmigo de tuthoma solidareco kaj rapidigo de la unueciĝo de la homaro."**

## Ludu per si-la-boj!

Ĉi-foje ni regalas vin per aro da silabo-miksaĵoj. Kio estas silabo? Silabo estas son-grupeto. Silabo(j) formas vorton. Ekzemple: *aŭ-to-mo-bi-lo* estas vorto el kvin silaboj.

Ni miksis la silabojn de vortoj. Provu rearanĝi ilin por veni al senco-hava vorto. Ekzemplo: *miako* > *amiko* aŭ *loĝusa* > *saĝulo*.

La subaj vortoj certe estas konataj. Ludu, se eblas, en grupo kaj konkursu!

| | | |
|---|---|---|
| **nabo** ________ | **ĵomanĝa** ________ | **ponreskodi** ________ |
| **tropa** ________ | **govano** ________ | **miminadu** ________ |
| **tidoka** ________ | **radepi** ________ | **notripa** ________ |
| **rigipu** ________ | **talas** ________ | **nimalĝiju** ________ |
| **ĝavaso** ________ | **ŝivi** ________ | **kontira** ________ |
| **pevesre** ________ | **gekojami** ________ | **isinnostruti** ________ |
| **ikuri** ________ | **rilabo** ________ | **lopukomti** ________ |

Kiom da minutoj vi bezonis?

(Solvoj sur paĝo 48)

*Se malpli ol 15, premiu vin per bon-gusta frukto!*

# KVIZO-LUDO

**kiu celas perfektigi vian lingvo-scion.**

**N-ro 3** (Limdato: 01-03-2008)

| | |
|---|---|
| 1 | 2008 estos jubilea jaro. Pri kio ni rememoros? *(V.C.Grez, CL)* |
| 2 | Per afiksoj kaj vort-kunmetoj kreu kiel eble multajn vortojn el la radiko *alt-*. *(Kruco, ĈN)* |
| 3 | Olga estas 2 jar__ pli aĝa __ ŝia frato. Kompletigu la frazon. *(Kolibrido, BR)* |
| 4 | Kiu verkis la romanon *Gerda malaperis* ? *(Neringa Vitkauskaite, LT)* |
| 5 | Anna havas telefonon, Eva nun ne havas. Eva havas amikon, Anna ne havas. Eva telefonas per __ telefono al __ amiko. Aldonu posedajn pronomojn. *(A. Gachet, BE)* |
| 6 | Kie okazis IJK en 2007? *(Marc Cuffez, BE)* |
| 7 | Kiu besto gruntas? *(J. Drahotova, CZ)* |
| 8 | Kun *v* rezulto de labor', kun *ĉ* kuŝej' por lasta hor'. Divenu la vortojn. *(Dieter Berndt, DE)* |
| 9 | Kiel nomiĝas la ark-forma montaro ekde Slovakio ĝis Rumanio en Centra Eŭropo? *(E.E.Popoviciu, RO)* |
| 10 | Faru vi mem demandon, kiu povos aperi en nia sekva numero. *(Donu la nomon kaj hejm-landon.)* |

La solvojn sendu rete aŭ papere al s-ro *Geza Kurucz* (*geza@banyai-kkt.sulinet.hu* / Hitel u.10, HU-6000 Kecskemét, Hungario ). Por vidi viajn poentojn post la n-ro 2, vizitu la hejmpaĝon: *www.junaamiko.inf.hu*

## *SOLVO de la antaŭa n-ro (septembro 2007), p. 12.*

1. Komenco bona, laboro duona.
2. Ĝi aperis en Varsovio en la rusa lingvo.
3. En kiu lando troviĝas la Centra Oficejo de UEA?
4. Antonimaj paroj: doni – *ricevi*, fali – *leviĝi*, meti – *preni*, komenci – *fini*, perdi – *trovi*, semi – *rikolti*
5. Kun ĝojo li akceptis nin. Mi trinkis kafon kun sukero. La programo komenciĝis per himno.
6. Andreo alvenis la unua.
7. Majo estas la plej mallonga (ĝi konsistas nur el 4 literoj).
8. Kuracisto resanigas malsanulojn.
9. Hirundo.

La plej bonajn solvojn sendis: *E.E.Popoviciu, RO; Neringa Vitkauskaitė, LT.*

*Neringa ZASAITĖ*

# VIKIPEDIO

Vikipedio (http://wikipedia.org) estas plurlingva, libera interreta enciklopedio, pri kiu kunlaboras volontuloj de la tuta mondo.

## Historio

La projekto naskiĝis la 15an de januaro 2001. Komence ekzistis nur angla-lingva versio, sed la projekto rapide (*wiki* estas havaja vorto „rapida") iĝis plurlingva. La 6an de novembro 2001 Chuck Smith fondis la Esperantan version. Nun ĝi enhavas 90 mil artikolojn.

## Ĝia valoro

Kritikistoj asertas, ke permeso al kiu ajn redakti Vikipedion faras ĝin nefidinda. Oni opinias, ke ĝi estas taŭga por informiĝo, sed ĝi neniam estos vera enciklopedio. El alia flanko Vikipedio estas laŭdata pro tio, ke ĝi ebligas aktualigadon de artikoloj, aŭ novaj artikoloj estas kreataj kiel reago je certa evento.

## Kial kaj kiel kunlabori pri la projekto?

Malgraŭ tio, ke Esperanto-parolantoj estas malplimult-nombraj ol parolantoj de aliaj lingvoj, en ĉi tiu multlingva projekto Esperanto aperas inter la plej gravaj lingvoj de la mondo.

Redakti Vikipedion rajtas ne nur sciencistoj aŭ fakuloj. Se vi interesiĝas aŭ spertas pri iu fako, informu aliajn homojn pri ĝi. Krome, verkante aŭ tradukante vi ekzercas Esperanton. Por multaj homoj kontribui al Vikipedio estas ŝatokupo. Oni verkas pri temo, kiun oni ŝatas, ekscias pli pri ĝi kaj malkovras mirindaĵojn.

Vikipedio estas pli kaj pli uzata. La interreta serĉilo Google favoras rezultojn en la enciklopedio, do ofte montras ilin plej supre inter la diversaj serĉ-rezultoj.

Antaŭnelonge aperis manlibro pri Vikipedio, verkita de Yves Nevelsteen. La 40-paĝa libreto, aĉetebla ĉe UEA por 3 eŭroj. Pli da informoj pri tiu ĉi projekto vi trovos en la retejo http://vikio.ikso.net/vikipedio .

---

*aserti:* firme esprimi sian opinion / *enciklopedio:* verko, kiu enhavas preskaŭ la tutan resuman scion de la homaro / *evento:* okazaĵo / *projekto:* plano efektivigota / *versio:* sama verko, prezentita en alia formo aŭ lingvo.

# Konversaciaj temoj

help-materialo por ekzamenotoj

Rubrikestro: Judit Felszeghy

## I. En vendejo



– Bonan tagon!
– Bonan tagon! Ĉu helpi al vi?
– Dankon, unue mi iomete ĉirkaŭrigardos kaj poste decidos, kion aĉeti...
– Jes, laŭ via deziro!
– En la montro-fenestro mi vidis tre ĉarman puloveron... Bonvolu doni al mi tian.
– Jen, ĝi estas la sama modelo. El nura lano, boat-forme dekoltita, kun longaj manikoj. Mia-opinie via mezuro estas 38.
– Krom tiu ĉi koloro, kiu-kolorajn vi havas?
– Momenton, mi tuj alportos... Bonvolu elekti: sablo-kolora, turkis-blua, vin-ruĝa, sukcen-kolora...
– Al mi pleje plaĉas la koloro de la pulovero en la montrofenestro.
– Fraŭlino, mi ne povas forpreni tiun el la montrofenestro, nur sekvont-semajne, kiam okazos ties rearanĝo. Kaj tiu en la montrofenestro estas ja sam-kolora kiel tiu, kiun mi ĵus montris al vi.
– Sed ĝi ja estas iom pli malhela. Mi serĉas ĝuste tiun nuancon de viola koloro.

*... iom poste*
– Mi multe dankas! Vi estas tre afabla. Kie mi povas ĝin provi?
– Tie flanke, malantaŭ la kurteno estas la prov-budo.
– Laŭ mi, ĝi tute konvenas al mia haŭto kaj harar-koloro. Mi prenos ĝin! Kiom ĝi kostas? Mi pagos per banka karto.

## II. Post kelkaj tagoj

– Bonan tagon!
– Bonan tagon! Kion servi al vi?
– Mi havas problemeton. Antaŭ kelkaj tagoj mi aĉetis puloveron ĉi tie.
– Ĉu ĝi estas damaĝita? Ĉu ĝi iĝis malvasta? Ĉu vi lavis ĝin ne konforme al la instrukcioj?
– Ne, tute ne... Sed kiam mi surmetis ĝin hejme, ĝi montriĝis tro malvasta por

mi ĉe la brusto. Mi reportis ĝin.
– Ĉu antaŭ ol aĉeti vi ne provis ĝin? Tuj mi rigardos, ĉu ni havas pli larĝan modelon.
– Ne, dankon! Mi fakte ne volas ĝin havi, ĉar ankaŭ ĝia koloro ne plaĉas al mi. Ĝi tro paligas mian vizaĝon... Mi petas repreni ĝin.
– Eble ali-koloran? Bedaŭrinde, monon ni ne povas redoni, nur ŝanĝi varojn, se vi konservis la kvitancon.
– Ne, ankaŭ alikoloran mi ne deziras. Mi ĉirkaŭrigardos... Jes, mi trovis al kio ŝanĝi la puloveron. En la montrofenestro estas tre simpatia hel-verda minijupo... sur la blonda model-pupo... ne, ne tiu faldita, sed la apuda, jes, kun butonoj ĉe la talio, jes!... Mi deziras tiun!

*TASKOJ*

*Ali-formu la dialogon I tiel ke...*

*a) la aĉetanto konsentas preni iun puloveron el la rekomenditaj de la vendistino;*
*b) la vendistino ne divenas la mezuron de la aĉetanto, sed ne necesas mezuri ŝin;*
*c) dum provo evidentiĝas, ke la mezuro de la pulovero ne taŭgas;*
*ĉ) tuj antaŭ ol pagi la aĉetanto rimarkas, ke ŝi ne havas sufiĉe da mono (kaj ankaŭ ne kunhavas bankan karton).*

*Aliformu la dialogon II tiel ke...*

*a) la aĉetanto reportas ne puloveron, sed alian vestaĵon (jupon, kol-ŝalon, pantalonon, jakon, kostumon);*
*b) la aĉetanto reportas puloveron (aŭ alian vestaĵon), ĉar dum lavado la vestaĵo mallongiĝis, malvastiĝis;*
*c) la aĉetanto deziras la saman modelon, sed pli (mal)grandan mezuron;*
*ĉ) la aĉetanto ne deziras ŝanĝi la reportitan vestaĵon al io ajn, sed postulas monon.*



*boato:* akvo-veturilo por 2-4 personoj / *budo:* konstruaĵeto el tabuloj / *damaĝo:* malutilo al iu, io / *dekolti:* lasi la supran korpo-parton nekovrita / *dialogo:* interparolo de du personoj / *instrukcio:* tuto de ordonoj, klarigoj / *kvitanco:* ricev-atesto / *lano:* ŝafo-hararo / *modelo:* vesto kun certa formo kaj mezuro / *nuanco:* et-eta diferenco / *problemo:* solvota tasko, situacio, afero / *pulovero:* trunko-vesto / *sukceno:* flava aĵo / *turkisa:* verdeblua / *varo:* komercaĵo / *violo:* ruĝ-blua floreto.

# LINGVA DOKTORO

H

## Pri la difina artikolo

La ĝusta uzado de nia plej ofta kaj mallonga vorteto montriĝas ne facila por multaj komencantoj. Malfacila ĝi estas por tiuj, kiuj ne havas artikolon en sia gepatra lingvo, kaj ofte ankaŭ por tiuj, kiuj havas ĝin, sed uzas la artikolon ne tute tiel kiel en Esperanto. (Zamenhof sia-tempe proponis prefere ne uzi ĝin ol meti la vorteton senpripense antaŭ ĉiu substantivo.)

Per *la* oni determinas substantivon. Notu bone, ke antaŭ propraj nomoj kiel Afriko, Atlantiko, Danubo, Jozefo, Nov-Jorko, Himalajo, Brazilo ktp. oni ne devas ĝin uzi, eĉ se en via nacia lingvo oni uzas ĝin! Kial ne uzi kun ili difinan artikolon? Tial, ke ili per si mem estas determinitaj, t.e. ili estas la propra nomo de unu-sola kontinento, oceano, rivero, persono, urbo, montaro kaj lando, ekzemple. Male, la komunaj substantivoj kiel kontinento, rivero, domo, tablo, biciklo estas la komuna nomo de multaj sam- aŭ simil-specaj estaĵoj. *Tablo estas meblo, biciklo estas veturilo* signifas, ke temas ĝenerale pri ĉiu tablo kaj ĉiu biciklo. Se oni diras: *La tablo estas malnova, la biciklo estas riparita,* ĉiu scias, ke temas pri unu tablo aŭ biciklo, kiun la parolanto aŭ lia partnero havas aŭ kiu troviĝas tie apude. Per *la* oni indikas unu solan el multaj samspecaj. *En la teko de Johano estas libroj. Johano, prenu la libron, kiun ni nun bezonas.* Ĉu vi komprenas, kial *la teko*, kial *libroj* kaj kial *la libron*? *La* neniam estas uzata kun vorto, kiu mem determinas la substantivon. Ekzemple: *tiu(j) paperfolio(j), mia sandviĉo.* Ĉe la unua ekzemplo per montrado, ĉe la dua per poseda pronomo oni indikas la aĵo(j)n, pri kiu(j) poste oni konstatas ion. Tamen, se mankas la substantivo, ĉar oni povas ĝin facile subkompreni, oni preskaŭ ĉiam uzas la difinan artikolon. Ekz.: – *Kies ĉapoj pendas tie? – (La) iliaj.* aŭ: – *Kioma (horo estas) nun? – La 8a. Kiun bluzon vi aĉetos? La helbluan.*

*Geza Kurucz*

***Solvoj de Ludu per silaboj (p.37):*** bona, patro, katido, purigi, sovaĝa, vespere, kuiri, manĝaĵo, vagono, rapide, lasta, viŝi, geamikoj, labori, korespondi, amindumi, patrino, maljuniĝi, rakonti, instruistino, komputilo.

# Testo

## Kiuj vortoj / esprimoj mankas?

**En kio similas Hispanio kaj Ĉinio?**

(Fragmento el „Kontakto")

La urbo __(1)__ Kantono havas eble __(2)__ loĝantoj. Kial eble? __(3)__ aŭ la loĝantoj simple ne scias.

En kio similas Ĉinio kaj Hispanio? __(4)__ diversaj aferoj. Ĉinoj havas mediteraneajn __(5)__ kaj kutimojn. Ili estas afablaj, babilemaj, gajaj, bonhumoraj, gastamaj, kaj __(6)__ nokte. Ili ŝatas esti sur la stratoj, manĝi tie, babili tie, sidi tie, ludi __(7)__ tie. Ĉiam grupe. Ofte __(8)__. En Pollando mi surpriziĝis, __(9)__ miaj ĉinaj gestudentoj __(10)__ al mi: „Venu dimanĉe al mia loĝejo por ludi". Mi ne komprenis. Pri __(11)__ ili parolis? Simple por ili __(12)__ estas same kiel __(13)__ diri: „venu dimanĉe al mia loĝejo __(14)__", aŭ simple „vizitu min dimanĉe".

Pri vidindaĵoj __(15)__. Eblus paroli __(16)__ horoj kaj horoj. La kulturo __(17)__ de Ĉinio estas grandegaj. Ĉie troviĝas belaj, belegaj lokoj __(18)__: ĝardenoj (vere fantaziaj), __(19)__ (ĉefe budhismaj kaj ŝintoismaj), antikvaj konstruaĵoj (kaj modernaj). Ĉi tie la vizitanto certe __(20)__.

| | | |
|---|---|---|
| A) ŝatas vivi | G) proponis | K) kartojn aŭ aliajn ludojn. |
| B) por eŭropanoj | Ĝ) En multaj | L) „veni ludi" |
| C) temploj | H) dum | M) amase. |
| Ĉ) kie mi troviĝas | Ĥ) kiu ludo | N) por kafumi |
| D) prefere ne paroli | I) 12 milionojn da | O) karakteron |
| E) Mankas statistikoj | J) kaj tradicioj | P) kiam |
| F) ne enuos | Ĵ) por viziti | |

*fragmento:* elĉerpaĵo, parto de io

***Solvoj sur paĝo 39.***

La 39a Internacia Infana Kongreseto okazos de la 19a ĝis la 26a de julio 2008 en *Oostvoorne*, 40 km oriente de Roterdamo.

Granda junulara gastejo disponas pri 60 litoj, apude situas arbaro, kanalo kaj lago.

Vidu detalojn kaj fotojn en http://bertosch.free.fr/iik2008 aŭ skribu al *Bert SCHUMANN, 9 rue du Couradin,* ***FR-35510 Cesson-Sevigne,*** *Francio.*

# Ĉu vi scias ke ...

- **Unesko jam dufoje (Montevideo, 1954 / Sofio, 1985) akceptis favoran rezolucion pri Esperanto.**
- **la 1a Universala Kongreso (UK) de Esperanto okazis en 1905 ĉe Bulonjo-sur-Maro, Francio.**
- **la monata revuo *Esperanto*, oficiala organo de UEA aperis antaŭ 100 jaroj, en 1907. Ĝia nuna redaktoro estas slovako *Stano Marček*.**
- **Ĉi-somere en Jokohamo la Komitato de UEA elektis novan prezidanton *Probal Dasgupta* (Hindio).**
- **la Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) estis fondita en 1938. Ĝia oficiala organo estas *TEJO Tutmonde*.**
- **en 2008 la *64a Internacia Junulara Kongreso (IJK)* okazos en Szombathely (:Sombathej), Hungario.**
- **la Skolta Esperanto-Ligo (SEL) havas ĉ. 500 membrojn. Informoj estas akireblaj ĉe *www.esperanto.org/skolta/ sm* .**
- **pli ol 1700 delegitoj de UEA el ĉiuj mondo-partoj pretas helpi al vi, respondi viajn demandojn. La liston de la delegitoj vi trovas en la *Jarlibro* de UEA.**
- ***Pasporta Servo* havas preskaŭ 1300 adresojn el 89 landoj. Ĉe tiom da gastigantoj eblas por esperantistoj senpage tranokti *(www.tejo.org/ps)*.**
- **Ĉina kaj Pola Radioj Internaciaj elsendas ĉiu-tage en Esperanto *(es.chinabroadcast.cn / www.polskieradio.pl/eo )*.**

AŬTORO: ROBERTO ALFONSO,KUBO
TRADUKIS. JOSE DE J. CAMPOS PACHECO.
PERMESIS KUBA INFANREVUO ZUNZUN



